Saluton — jam el Atlanto, Usono! Kiel eble vi jam komprenis, ŝanĝiĝis ne nur la poŝt-adreso de la redakcio, sed ankaŭ la familinomo de la redaktorino! Pli ĝuste, nun viaj redaktorino kaj vic-redaktoro havas la saman familinomon — ĉar ni geedziĝis! Tiu ĝojiga evento okazis la 7-an de majo, en la Atlanta Loĝio de la Rozkruca Ordeno (AMORC) [legu artikolon pri la Ordeno en la pasinta numero de *Kontakto*], en la ĉeesto de parencoj, aliaj rozkrucanoj kaj — kompreneble! — esperantistaj amikoj. Do, jen naskiĝis plia esperantlingva familio! Kaj tio, kompreneble, influis nian elekton de la ĉinumera temo: FAMILIOJ (kvankam ni jam delonge pripensadis “familian” numeron).

Kompreneble, atendas vin tuta fasko da artikoloj rilataj familiojn. Legu sur p. 3-5 intervjuojn de esperantistaj paroj, kun diversaj kaj tre interesaj interkulturaj spertoj, kaj — jes, ankaŭ de viaj geedzaj geredaktoroj (p. 9).

Skribante pri familioj, tute ne eblas preteratenti tiun unikan fenomenon de nia Movado — denaskismon. Estas dediĉitaj al ĝi du artikoloj: de Ismael Mattos Andrade Ávila kaj Renato Corsetti, kiuj dividas siajn spertojn kiel patroj de denaskaj E-parolantoj (p. 6-7).

Ĉu vi povas imagi, kiam okazis la unua geedziĝo inter esperantistoj? Ne? Tiukaze legu la artikolon de Jefim Zajdman (p. 8-9), kiu sekvas la viv-historiojn de la unuaj tri geesperantistaj paroj.

Amri Wandel finas la familian temon de tiu ĉi numero per artikolo pri Rondo Familia, instanco de UEA, kiu okupiĝas ĝuste pri E-familioj.

Ne povis ni preteratenti ankaŭ alian gravan temon… Jim Henry kaj Joel Amis sur p. 10-11 prezentas siajn opiniojn rilate la forpason de Papo Johano Paŭlo la Dua kaj elektiĝon de la nova papo. Jim Henry skizas gravajn trajtojn de la vivo kaj la mesaĝo de la forpasinta Papo, kaj Joel prezentas sian opinion pri la defioj por la nova "sidanto sur la Sankta Seĝo".

Kaj, kiel ĉiam, atendas vin aliaj artikoloj (facilaj kaj ne), recenzo, anoncoj ktp.

Agrablan legadon!

*Ĵenja*



Bernard West, la Loĝi-majstro, prezentas al la novgeedzoj geedziĝ-atestilon



Kun rozkrucanoj de la Atlanta Loĝio



La familio Amis: Jarrod (frato), Harvey (patro), Ĵenja, Joel kaj Lynn (patrino)






## <ENHAVO>




***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 206** (2005:2), 42-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia Amis (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Giancarlo Baraldi (Italio), Morteza Mirbaghian (Irano), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>
***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# "En internacia interrilato toleremo kaj pardonemo gravas eĉ pli ol en rilato inter samlandanoj"


KOMPLEZE DE U. KAJ N. MATTHIAS

Ulrich, Christina kaj Nan

**Germano Ulrich Matthias kaj ĉinino Nan Wang konatiĝis antaŭ kvin jaroj — dum la IJK en Honkongo. Kaj — jam en la unua vespero ili enamiĝis kaj (ambaŭ!) pensis pri geedziĝo! Post unu jaro — somere 2001 — ili fariĝis geedzoj, kaj post ankoraŭ unu jaro — feliĉaj gepatroj de sia filineto, Christina Yali Matthias. "Kiam mi vidis Uli-n la unuan fojon, li aspektis serioze, ŝpareme kaj modeste. Li ne multe atentis pri vestaĵoj kaj aliaj materiaj aferoj, sed mi sentis, ke li estas fidinda kaj fidela homo", — rememoras Nan pri siaj unuaj impresoj. "Jam en la unua vespero mi rimarkis, ke Nan havas bonan koron kaj interesan internon", — aldonas Ulrich.**

***- Ĉu iu el vi iam konsideris internacian interrilaton antaŭe aŭ ĉu tio okazis tute neatendite?***

Ulrich (U.): Kiel esperantisto, mi jam de 1986 havis multege da internaciaj kontaktoj. Mi ĉiam deziris, ke mia estonta edzino estu esperantistino, dum la nacieco por mi ne gravis. Sed certe mi ne pensis speciale pri Ĉinio — lando relative fremda kaj malproksima, kun lingvo malfacile lernebla por mi. Origine mi planis viziti Azion nur unufoje en mia vivo. Tamen la sorto decidis alie.

Nan (N.): Kiam mi lernis la lingvon, mi vere ekŝatis la ideon de Esperanto kaj pensis, ke estus bone, se ankaŭ mia eventuala edzo parolus ĝin. Krome, mi estas katolikino, kaj mi ekkonsciis pri tio, ke esperantistaj katolikoj malfacile troveblas en Ĉinio.

***- Ĉu vi spertis iujn interkulturajn malfacilaĵojn?***

U.: La unuaj du jaroj de nia komuna vivo estis perfekte pacaj. Nur malofte ni havis malsamajn opiniojn, kaj ni ĉiam rapide sukcesis elturniĝi tiel, ke ni ambaŭ ridis. Poste niaj "malsamaj opinioj" fariĝis pli oftaj. Ili parte rilatis ankaŭ al kulturaj diferencoj. Ekzemple, Nan ĉiam emas doni multe da libero al nia filineto. Se Christina grimpas sur nian manĝotablon, tio estas akceptebla por Nan, sed por mi malpli. Kaj kiam Christina malpurigas en restoracio la tablon kaj la plankon, mi sentas fortan embarason kaj eĉ volus forpreni ŝiajn manĝilojn kaj mem nutri ŝin — sed Nan nur emfazas, ke Christina ja estas infano kaj do rajtas malpurigi ion.

Certe, en internacia interrilato toleremo kaj pardonemo gravas eĉ pli ol en interrilato inter samlandanoj. Kaj kiam Nan riproĉas ion al mi, mi ofte simple demandas al ŝi: "Ĉu vi tamen amas min?" Ja ni ambaŭ scias, ke malgraŭ ĉiaj diferencoj ni deziras resti kune por ĉiam.

N.: Vere mi deziras, ke Christina havu feliĉan infanaĝon. Mi faras ĉion por ŝi; mi ne donas al ŝi regulojn. La mondo estas tiel interesa por tia etulino. Ŝi havas la rajton ĉion scii kaj ĉion fari, alikaze mi detruus ŝian animon. Uli ne tute komprenas tion, ekzemple li ne ŝatas, kiam Christina "uzas" nian telefonon, enŝaltas la televidilon aŭ tajpas per la komputilo.

***- Ĉu vi spertis ankaŭ tute materiajn barojn — problemojn pri vizoj, civitaneco, enmigraj leĝoj ktp.?***

U.: Ambaŭfoje — fine de 2000 kaj printempe 2001 — Nan vizitis min per turisma vizo, ĉar tiucelan invitilon mi povis sendi al ŝi multe pli facile ol invitilon por geedziĝo. Eksterlandanoj kun turismaj vizoj ne rajtas geedziĝi en Germanio — sed ni eksciis jam antaŭlonge de aliaj esperantistaj paroj, ke tio eblas en Danio. Ni do pasigis en julio 2001 tri belegajn tagojn en la dana urbeto Padborg, apud la germana limurbo Flensburg, kaj fine de tiu restado ni tute senprobleme geedziĝis tie. Bedaŭrinde, poste en Germanio ni devis ankoraŭ iri preskaŭ dekfoje al diversaj oficejoj — al tiuj pri civila stato, registrado kaj eksterlandanaj aferoj. La germanajn burokratojn ĝenis iuj tute malgravaj detaloj en la dokumentoj de Nan, sed post komenca hezitado ili akceptis ĉion. Sekve, unu monaton post nia geedziĝo, Nan povis tute laŭleĝe ekloĝi en Germanio.

N.: De la ĉina flanko mi ne spertis malfacilaĵojn, sed por la du vojaĝoj al Germanio mi devis ĉiam pasigi unu semajnon en Pekino, atendante la germanan vizon.

***- Kiel viaj familioj reagis rilate vian geedziĝon?***

N.: Miaj gepatroj fidis al mi, ke mi mem elektos bonan vojon. Mia patro diris: "Vi povas edziniĝi al Uli, se vi kredas, ke tiamaniere vi fariĝos feliĉa".

U.: Preskaŭ ĉiuj miaj parencoj tuj ekŝatis Nan. Ŝian integriĝon en nian parencaron helpis ankaŭ la fakto, ke ŝi estas katoliko, same kiel ĉiuj miaj parencoj. Aliflanke, Nan sentis ankaŭ, ke komence mia patro ne deziris ŝin kiel bofilinon, simple pro ŝia deveno el tute alia kulturo. Li — kiu ja pasigis la unuajn 11 jarojn de sia vivo en nazia medio — preferis havi nepojn kun germana aŭ almenaŭ eŭropa aspekto. Nan diris al mi, ke certe la sinteno de mia patro ŝanĝiĝos, kiam li vidos, ke ni estas vere feliĉaj. Kaj vere, malgraŭ komencaj duboj, li fine ĉeestis nian eklezian geedziĝon kaj la bapton de Christina, kaj nun li ĝojas, kiam nia tuta familio vizitas lin kaj la avinon.

***- Ĉu vi edukas vian filinon plurlingve?***

U.: Jes. Ŝia ĉefa lingvo estas la germana, sed Nan ankaŭ multe uzas la ĉinan, kaj mi ofte ludas kun ŝi esperantlingve. Ŝi jam konas multajn kantojn kaj rimaĵojn en ĉiuj tri lingvoj. Ĝenerale ni estas tre kontentaj pri ŝia evoluo. Certe gravas, ke la gepatroj multe parolas kaj ludas kun la infano, dum, miaopinie, la reguloj pri la lingvouzo eble estas nur duarangaj (ni ne havas fiksitajn regulojn, sed ŝanĝas la lingvon laŭ situacio).

***- Tute materia demando: kiel vi dividas taskojn en la domo?***

U.: Preskaŭ ĉiam Nan kuiras, dum mi zorgas pri lavado kaj rubo. Pri Christina ni ambaŭ zorgas, sed fakte Nan havas pli da tempo por ŝi.

***- Demando al Nan: ĉu estis malfacile adaptiĝi loĝi en Germanio?***

N.: La adaptiĝo ne estis tiel malfacila, ĉar kiel 17-jarulino mi jam studis en Rusio 1,5 jarojn. En Rusio mi sentis min ekzotika kaj fremda, sed kun esperantistoj mi sentas min pli hejme. Kaj nun mi sentas min hejme ĉie, kie estas mia filino. La germanan lingvon mi jam povas flue paroli, kvankam ankoraŭ kun multaj eraroj. Mi rimarkis, ke germanoj estas pli rigoraj, pli rektaj kaj pli kritikemaj ol ĉinoj. Ĉiukaze mi havas ankaŭ multajn kontaktojn kun ĉinoj ĉi tie en mia nova hejmurbo Wiesbaden.

***- Demando al Ulrich: ĉu vi iam vizitis la familion de Nan? Kiuj estis viaj impresoj pri Ĉinio ĝenerale?***

U.: Mi vizitis la familion de Nan unuafoje en aprilo 2001, do antaŭ nia geedziĝo, ĉar kompreneble mi deziris konatiĝi ankaŭ kun miaj estontaj parencoj. Kaj, kvankam mi povis interparoli kun ili nur helpe de la traduko de Nan, mi tuj rimarkis, ke ili estas vere simpatiaj homoj. Pozitive impresis min, ke la frato kaj la fratino de Nan jam havis evidente tre harmoniajn familiojn kun po unu infaneto, kaj ke — malgraŭ la lingvaj baroj — eĉ aperis inter ni belaj ideoj por komunaj ludoj. Dum la dua vizito plej impresis min la granda ĝojo sur la vizaĝoj de miaj parencoj (precipe de mia bopatro, kiu unuavide aspektas kiel relative malvarma homo), kiam ili tenis nian etan Christina-n sur la brakoj. Pro kelkaj aferoj — ekzemple, ĥaoso kaj danĝero de akcidento sur la stratoj kaj malpura aero — mi ne volus daŭre loĝi en Ĉinio. Sed kiam mi nun pensas pri Ĉinio, mi pensas unuavice pri la multaj simpatiaj kontaktoj, kiujn mi trovis inter miaj novaj parencoj kaj ankaŭ inter la ĉinaj esperantistoj!

Intervjuis *Kontakto*.

Ulrich Matthias estas fama inter ŝatantoj de E-literaturo (ĉefe) pro la romano *Fajron sentas mi interne*, noveloj kaj la verko *Esperanto — la nova latino de la Eklezio*; li estas doktoro pri matematiko. Nan en Ĉinio laboris kiel tradukistino (rusa-ĉina) kaj redaktorino de granda junulara gazeto. Se vi volus pli profunde konatiĝi kun Ulrich kaj Nan, vizitu ilian retpaĝon: <http://www.u-matthias.de>.


“Helpante” al la patro (Sonja, Iva kaj Hokan)

KOMPLEZE DE S.P. KAJ H.L.

## Vivo en Esperanto

**Serbino Sonja Petroviĉ kaj svedo Hokan (Håkan) Lundberg konatiĝis en septembro 2000 dum TEJO-seminario. Ili havis la okazon iom pli bone ekkoni unu la alian unue dum interkultura rolludo "Albatrosoj", kie ili prezentis albatrosan paron. La kontakto daŭris per retpoŝto, postaj Esperanto-aranĝoj kaj kunlaboro pri diversaj Esperanto-projektoj. Fine de 2002 ili ekloĝis kune (en Beogrado, Serbio) kaj en decembro 2004 naskiĝis ilia filineto. Ĉi-junie la paro geedziĝas kaj poste translokiĝas al Svedio. Sonja kaj Hokan spertis distancajn rilatojn jam antaŭe kaj ege volis "eviti trairi la samon denove, sed ne tre bone sukcesis", — ŝercas la paro.**

"Ni tre miris pri tio, kiom simile ni pensas, sentas kaj eĉ kutimas pri kelkaj aferoj, malgraŭ la malsamaj fonoj, de kiuj ni venas", — konfesas Sonja kaj Hokan. Sed poste, kompreneble, ni rimarkis ankaŭ diferencoj: ekzemple, kiam Hokan unuafoje ĉeestis renkontiĝon kaj babiladon (en la serba) de Sonja kaj du ŝiaj amikinoj, li kredis ke ili kverelas, pro tre laŭta parolmaniero. Kaj Sonja bezonis tempon por alkutimiĝi al la "rekteco" de Hokan. "Verŝajne, gravas malferme akcepti la malsamecojn kaj peni ĉiam memori kaj konscii pri la fono de la alia", — konsilas la juna paro.

En la komenco Hokan sopiris al svedaj manĝaĵoj kaj naturo, sed iom post iom li alkutimiĝis al la serbaj kaj nun eĉ bedaŭras perdi ilin: "Tamen, mi vere ne havis tempon nek fortojn por provi eniri la socion ĉi tie — mi ĉefe ‘vivis en Esperantujo’ per la reto k.s. — kaj tial restis iom izolita. Mi perfekte konas ĉirkaŭ 15 vortojn en la serba kaj uzas ilin ĉiusemajne. Tio estas pli ol mi atendis, — ŝercetas Hokan. — Nun mi sopiras al babilado kun proksimaj amikoj el Svedio". Rilate "inversan kulturŝokon" Hokan duonŝerce, duonserioze aldonas: "Nur la prezoj en Svedio ŝokas min ĉiufoje".

Kun la infano Sonja parolas serbe kaj Hokan — Esperante; unu al la alia, la paro parolas plej ofte Esperanton kaj foje la svedan. "Iva parolas al ĉiuj en la beba, kaj ĉiuj komprenas, — aldonas Sonja. — Ni treege ĝuas la vivon kun ŝi kaj lernas de ŝi multon, sed ankoraŭ alkutimiĝadas al la nova vivritmo. Havi bebon estas (en pozitiva senco) pli ol ni povis imagi!"

Kelkaj taskoj en la familio de Sonja kaj Hokan estas fiksitaj — ekzemple, Hokan polvosuĉumas, Sonja prizorgas vestaĵ-lavadon, sed multon la familio faras kune (ekzemple, butikumas) aŭ depende de cirkonstancoj (kiam temas pri kuirado, manĝillavado ktp.). "Ankaŭ pri Iva ni faras pli-malpli la samon, krom ke nur mi povas mamnutri", — ridetas Sonja.

## "Mi neniam plu perfekte bone sentos min en ambaŭ landoj…"

**Flandro Ilja De Coster, edzo de rusino Julinka Litvinova, tute ne ŝatas fokusiĝon je la "internacieco" de ilia rilato: "Simple ni estas du homoj, kiuj renkontiĝis kaj post iom da tempo konstatis, ke iel ni kongruas kune. Mi neniam vere konsideris aŭ aparte deziris internacian rilaton, la sola deziro estis pri amata homo, kun kiu eblas dividi ĝojon kaj suferon". Ankaŭ Julinka eksplicite ne plu volis internacian rilaton, sed — "tio okazis". La paro loĝas en Belgio, sed sufiĉe ofte vizitas Rusion.**

"Sendube ni spertis interkulturajn barojn — foje etaĵoj, foje pli grandaj", — diras Ilja. Kiel venki ilin? Verŝajne, estante vi mem kaj per multe da dialogo. Klarigante, kion oni sentas pri io kaj aŭskultante, kion sentas la alia persono. Foje veran solvon oni ne trovas, sed ja estas iu reciproka interkonsento. Sed baroj aŭ malfacilaĵoj ne estas tipaj nur por interkulturaj rilatoj — ili troviĝas ĉie!"

Julinka: "Belgio havas tre bonajn adaptiĝ-kursojn por eksterlandanoj, kiuj enmigras. Abundas ankaŭ lingvaj kursoj, rusparolantoj, rusaj vendejoj k.s."

"Kion mi ne ŝatas pri Rusio estas la malplaniteco de la vivo tie, — diras Ilja, kaj jen aldonas, ke la planiteco de la vivo estas tio, kion li ne ŝatas pri Belgio. — Inversajn kulturŝokojn mi regule havis, kaj sendube havos. Verŝajne mi neniam plu perfekte bone sentos min en ambaŭ landoj…"


Julinka kaj Ilja geedziĝis en Zamenhof-tago, la 15-an de decembro

KOMPLEZE DE I.D.C. KAJ J.L.

La paro ankoraŭ ne pensas konkrete pri infanoj, sed, verŝajne, ankaŭ Esperanto estos unu el la lingvoj, en kiu Ilja kaj Julinka edukos siajn gefilojn. Ilja: "Ni volas, ke niaj infanoj transprenu ambaŭ niajn kulturajn fonojn. En la nuna tutmondiĝo, plurlingveco estos ege utila por niaj infanoj, kiam ili memstariĝos kaj serĉos sian lokon en la mondo. Esperanto? Nu, ĝi estas unu el la familiaj lingvoj, do infanoj, verŝajne, iel "ricevos" ankaŭ ĝin. Tamen tio funkcios en la tuta kunteksto, ni ne nepre eduku ilin Esperante pro tio, ke ni estas esperantistoj". Ankaŭ Julinka havas la saman vidpunkton: "Plejofte infanoj lernas lingvojn de gepatroj kaj la lingvon de la lando aŭ regiono, kie ili loĝas. Tamen tio ne ĉiam estas evidenta — mi mem, ekzemple, neniam lernis la denaskan lingvon de mia patrino. Hejma lingvo estas Esperanto — do verŝajne nature Esperanto estos unu el la lingvoj".

Hejmajn taskojn Ilja kaj Julinka dividas "laŭ la tasko-alveno": "Laŭeble ni klopodas fari ĉion kune, sed tio ne ĉiam eblas. La hejmaj taskoj ja ne estas la centro de nia vivo". "Ĝenerala regulo, — aldonas Julinka, — estas ke ĉiu faras tion, kion li aŭ ŝi ŝatas, almenaŭ iomete. Ĉio alia estu farata kiam ni havas tempon, aŭ se jam urĝas kaj neniu volas — tiam ni faras ĉion duope".

## "Pere de Esperanto, kompreneble!"

**Fine de 1991 Trevor Steele instruis ĉe la tiama Esperantotur en Bydgoszcz, Pollando. Ĉar li ne havis alian planon, li akceptis proponon veturi buse al la slovaka urbo Poprad kaj pasigi kelkajn tagojn tie en Esperanto-centro. Tie deĵoris Katja Bodnarova. "Ŝi faris sur mi, kaj cetere probable sur ĉiuj, tre bonan impreson per siaj diligento, organizkapablo kaj bonkoreco", — diras Trevor. En la postaj jaroj Trevor kaj Katja foje korespondis, ne ofte, sed la leteroj estis ĉiam iom pli ol nur saluton-kiel-vi-fartas. Trevor sendis al Katja siajn nove aperintajn verkojn, kiuj ŝajne faris siavice bonan impreson.**

La paro revidis unu la alian dum la UK en Berlino en 1999 kaj ree en Zagrebo 2001. Postzagrebe ili konsciis pri la reciproka korinklino. Trevor reiris al Aŭstralio en tiu jaro, sed kandidatis por la posteno de ĝenerala direktoro de UEA kun du celoj: labori en Roterdamo kaj povi kunvivi kun Katja tie. Trevor: "Ni volis tre baldaŭ poste geedziĝi, sed la nederlandaj instancoj ĉikanis por malebligi tion. Tiutempe Slovakio ne estis EU-lando, kaj eksteruloj ne estis bonvenaj, parte, mi supozas, pro la dekstreniĝo de la nederlanda politiko. Do ni geedziĝis en Slovakio kaj poste migris al Aŭstralio. Pasis dek jaroj inter nia unua konatiĝo kaj la komenco de nia komuna vivo".

En mallonga periodo Trevor kaj Katja spertis la "ĝojojn" de burokrataro de kvar registaroj: la nederlanda, la slovakia, la aŭstralia kaj la hindia (la paro pasigis kvar monatojn en Hindio survoje al Aŭstralio, instruante Esperanton). "Ne estas sekreto, ke tiaj aferoj estas ĝenaj kaj multekostaj, eĉ se ni persone havis relative glatan iron", — konfesas Trevor: "Mi devis venigi el Aŭstralio dokumenton, kiu deklaru, ke mi ne estas jam edzo, Katja devis ricevi similan dokumenton el Slovakio. Tiuj estis nur du el la stako da paperoj, kiujn ni devis transdoni al la "fremdula polico".

Laŭ la propra regulo, tiu oficejo devis doni al ni decidon post ne pli ol tri monatoj. Nu, dek monatojn poste ni ricevis nean decidon pro tio, ke niaj dokumentoj pri needz(in)a stato estas pli ol sesmonataj, do ne plu validaj. Kompreneble mi protestis, ke la prokraston kaŭzis ne ni, sed la oficejo mem. Mia protesto senutilis: necesis refoje venigi la samajn dokumentojn kaj transdoni al la fremdula polico. La monatoj pasis, do intertempe ni decidis ignori tiun instancon kaj geedziĝi en Slovakio. Amuzis nin, ke jaron poste sekvis nin al Aŭstralio letero de la fremdula polico, kiu informis, ke ni ne rajtas geedziĝi en Nederlando pro tio, ke niaj dokumentoj estas … nu, vi divenu!"

La originlando de Katja — Slovakio — ne multe rolas en tiu ĉi historio, sed Trevor havas tre pozitivan impreson pri la malgranda kaj ne aparte riĉa lando, kies pejzaĝo estas inter la plej altiraj en Eŭropo.

Trevor, laŭ lia konfeso, faras almenaŭ 5% de la hejmaj taskoj: "Katja eĉ forĉasas min el la kuirejo, kio tre kripligas mian evoluon kiel majstrokuiristo…"

"Ĉu mi antaŭe pripensis internacian rilaton? Certe, neniu el miaj amikinoj estis aŭstraliani-

no! Ankaŭ tiurilate Esperanto forte rolis", — diras Trevor ridetante. Malsamaj kulturaj fonoj tute ne kaŭzas problemojn. Trevor: "De tempo al tempo ni spertis problemojn, kiel en ĉiu geedza vivo, sed ne pro tio, ke ni naskiĝis en malsamaj kontinentoj. Nek Katja nek mi sentas nin reprezentantoj de unu specifa kulturo; ni estas esperantlingvaj mondcivitanoj".

Ankaŭ Katja ne spertis malfacilaĵojn pri adaptiĝo en Aŭstralio: "La ĉi-tiea vivo baziĝas sur eŭropa kulturo kaj tio multe simpligas mian vivon. Mi ankoraŭ ne bone parolas la anglan, sed en ĉi tiu lando de enmigrintoj oni akceptas tion tre amike kaj helpeme. Dum la lastaj dudek jaroj mi ofte ŝanĝis mian labor- kaj restadlokon. Unu-du kofroj da havaĵo, iom da poŝmono, ne tre komfortaj loĝkondiĉoj, multe da vojaĝado, nepra adaptiĝo al diversaj kondiĉoj kaj postuloj, neceso elturniĝi en novaj cirkonstancoj. Eble mi dume fariĝis io, kion oni nomas mondcivitano, kosmopolito, eble mi nur iom hardiĝis, sed mi ne sentas apartajn problemojn. Aŭstralio estas por mi simple unu plia haltejo", — diras Katja.

*(daŭrigo sur p. 9)*


KOMPLEZE DE T. KAJ K.S.

Katja kaj Trevor (dekstre) konvertas estron de studenta hejmo al esperantismo

# Domaĝe arakida pasto!

**Kio estas via plej ŝatata vorto aŭ frazo en via gepatra lingvo aŭ en la lingvo, kiun vi konas? Respondas dek diverslandaj esperantistoj.**

***Aleks, Francio:***



- Mi tre ŝatas la vortojn "bonjour" [bonĵur] (bonan tagon) — longa "bonjouuuur" — kaj "oui oui" [ŭi] (jes, jes). Kial? Ili ŝajnas al mi simpatiaj, ĝentilaj, bonvenigaj, komencaj, enkondukaj. "Bonjour" estas la unua vorto, kiun oni diras al nekonato, ekzemple, antaŭ ol doni al li informilojn pri Esperanto kaj demandi ĉu li konas tiun lingvon.

***Lena, Ukrainio (gepatra lingvo la rusa):***

- Mi ŝatas, kiam oni diras en la rusa "da net" [da njet] (tamen, ne; fakte, ne). La amuza fakto pri tiu ĉi frazo estas ke en laŭvorta traduko ĝi signifas "jes ne", kaj se oni logike pensas, tio ŝajnas ege amuza — oni ja unue jesas, kaj tuj poste neas. Ja tiel estas plene nekompreneble, kion oni fakte celas: ĉu jes? ĉu ne? Ja tiuj vortoj kontraŭas unu la alian.



***Chuck, Usono:***

— Mi ne vere havas ŝatatan vorton aŭ frazon en la angla. Sed jes, havas ŝatatan nederlandan frazon: "Helaas pindakaas!" (domaĝe arakida pasto!). Tiu ĉi frazo signifas "domaĝe", kaj mi ŝatas ĝin simple pro ĝia amuzeco. Fakte, por simple diri "domaĝe" oni diras ankaŭ "helaas speculaas" ("speculaas" estas speco de kekso).

***Ben, Belgio:***

- Mi trovis! Estas la vorto "muizekeuteltjes". Ĝi signifas (pardonu) "musaj fekaĵoj", sed fakte tio estas la kutima nomo de manĝaĵo — ĉokoladaj hajleroj. Oni uzas ilin, ekzemple, por meti sur blankan panon. (Fakte, tiu vorto estas flandra — en la nederlanda tiu manĝaĵo nomiĝas "hagelslag" — ĉokolada hajlo.) Mi ŝatas la sonon de tiu ĉi vorto, ĉar ĝi enhavas tipe nederlandlingvajn sonojn, kiuj ne troveblas en aliaj lingvoj. Kaj krome — ĉu ne estas amuze diri, ke ni manĝas fekaĵojn?



***Nicola, Italio:***



- Tre ofte mi diras "non esiste proprio!" (tute ne ekzistas!). Pro kiu kialo? Ĝi tute ne ekzistas, mi simple ŝatas ĝin!

***Ĵenja, Ukrainio:***

- Mi tre ŝatas la germanan vorton "doch" [doĥ], kiu estas malfacile tradukebla en iun ajn el la lingvoj, kiujn mi konas. Oni uzas ĝin por "nei neon", plejparte en demandoj. Sonas komplike, ĉu? Tamen, tiu vorto vere plifaciligas la vivon. Ekzemple, iu diras al vi: "Ĉu vi ne amas min?" kaj vi devas respondi per unu vorto. Nu, imagu, ke vi amas tiun, kiu demandas vin. Kion vi diros — jes aŭ ne? Se vi, ekzemple, diros jes, ruslingvano komprenos jeson kiel "jes, mi *ne* amas vin" kaj anglalingvano — tute male: kiel "jes, mi amas vin"! La malo okazos, se vi diros "ne"... Pro tio oni devas diri la plenan frazon, aŭ enkonduki "doch" (ridetas).

***Joel, Usono:***

- Tiuj el vi, kiuj iam studis la anglan, lernis, ke la moderna angla, same kiel Esperanto, havas nur unu vorton por "vi" (singulare kaj plurale) — t.e. "you" [ju], ĉu ne? Mi devas tamen ĉagreni vin: tio veras nur pri norma angla. Dialektoj mem elpensis taŭgajn pluralajn formojn por "vi". En mia denaska regiono — Sud-Orienta Usono — oni diras "y'all" [jal, jaal, jaol k.a.], kiu devenas de "you all" [ju ol, ju al] — "vi ĉiuj" — por alparoli pli ol unu personon (fakte, tiun vorton uzas multaj nigruloj ĉie en la lando). Ĝi estas tiel forte enradikiĝinta en nia kulturo, ke mi sentas grandan mankon en norma angla, kiam mi ne povas uzi la oportunan "y'all". Sed aliaj usonanglaj dialektoj havas ankaŭ siajn variantojn. En izolitaj partoj de la apalaĉa montaro oni diras "yeuns" [jiens] (de arĥaika angla "ye ones" [ji ŭanz]; "ye" estas arĥaika angla formo de "vi" plurale). En la novjorka dialekto oni diras "yous" [jus] — t.e. oni simple aldonas "s" al kutima "you". Kiel vi eble komprenis, tio venas de la multnombraj enmigrintoj, kiuj lernis, ke por pluraligi anglajn vortojn necesas simple aldoni "s" fine de la vorto, kaj do ĝeneraligis la regulon.

***Martin, Slovakio:***

- En la slovaka (mia gepatra lingvo) mi ŝatas la frazon "Nech sa páči", kio laŭvorte signifas "(ĝi) plaĉu al vi", kaj estas frazo uzata kiam oni donas ion al iu (Esperante mi dirus "bonvolu", sed tio estas plursignifa; angle "here you are", hungare "tessék" kaj japane "dózo"). Kial mi ŝatas ĝin? Ĉar ĝi ŝajnas al mi tre ĝentila, agrabla kaj bondezira por diri al aliaj homoj. Ĝi estas frazo, kiun ofte uzas ankaŭ vendistoj, kiam vi ion aĉetas. Se paroli pri aliaj lingvoj, plaĉas al mi la hungara "szívesen" [sivesen]. Ĝi laŭvorte signifas "enkore"/"korece", kaj signife ĝi estas "nedankinde"; ĝi estas kutima respondo al "köszönöm" [kesenem] = dankon.



***Ewout, Nederlando:***

— Nu, ĝenerale mi tre ŝatas la sonon de aliaj lingvoj. Ekzemple, mi konas nur unu frazon en la serba: "Zasto si ironican? Zedni smo oboje, je toplo" (kial vi estas ironia? ni ambaŭ estas trinkemaj, estas varme). Mi tre ŝatas ĝin ĉar jam en la tria leciono de tiu lernolibro aperis la vorto "ironia", kiu ial ŝajnis al mi tre tipa por Jugoslavio. Krome, mi ankaŭ ege ŝatas francajn komputilajn terminojn.



***Francesco, Italio:***

- Se temas pri la beleco de la sono, ne estas vortoj aŭ frazoj, kiujn mi preferas (sed mi malpreferas tiujn ne tro prononceblajn). Se temas pri la enhavo de iu proverbo aŭ frazo, mi elektas la devizon de la skoltoj: "Estote parati" latine (Esperante: "estu preta" aŭ "ĉiam preta"). Mi ŝatas tiun frazon, ĉar ĝi instigas min agadi ĉiam por pliboniĝo (almenaŭ mi provas). Subitaj neantaŭvideblaj eventoj povas okazi, kaj ni devas klopodi ĉiam esti pretaj por solvi la problemojn. Sed... ni devas esti pretaj ne nur por negativaj okazoj. Ni devas esti pretaj ankaŭ por kapti bonajn ŝancojn!



Preparis Katja IGNATJEVA, Rusio/Svedio







Jean, denaskulo de familio OKABE PITON

# Esperanto — denaske!

*Ismael Mattos ANDRADE ÁVILA (UEA-fakdelegito pri denaskismo), Brazilo <voxvita@yahoo.com.br>*

**Denaskismo ne estas novaĵo en la Esperanto-mondo, ĉar jam en la komenco de la dudeka jarcento kelkaj gepatroj uzis nian lingvon kun siaj infanoj ekde frua aĝo. Sed kial oni prenas tian seriozan decidon "oficialigi" Esperanton en la sino de la propra familio?**

## Esperanto — lunde, franca — marde, rusa — merkrede...

La respondoj certe estas multaj, kaj ili varias de kazo al kazo. Unu memevidenta motivo estas la formiĝo de internaciaj paroj. Nemalofte esperantistoj konatiĝas dum Esperanto-aranĝoj, kaj foje la rilatoj evoluas al geedza vivo. Kaj pro tio, ke Esperanto estas la komuna lingvo de la geedzoj, ĝi aŭtomate fariĝas la familia lingvo. Ĝi estas transdonata al la idoj tute nature, eĉ se paralele estas uzataj ankaŭ la etnaj lingvoj de ĉiu gepatro. Tiu situacio permesas plurajn variantojn de utiligado de la lingvoj familie: *unu persono — unu lingvo* (mallonge UPUL), *unu situacio — unu lingvo* (mallonge USUL) aŭ kombinaĵo de ili.

Laŭ UPUL-strategio, la gepatroj "dividas" la lingvojn. Ekzemple, se la patro estas italo, kaj la patrino — japanino, la infanoj povas paroli itale kun la patro kaj japane kun la patrino, kaj uzi Esperanton kiam ĉiuj estas kune. Se, krome, la familio loĝas en alilingva regiono, ekzemple, en Francio, la eksteraj influoj (lernejo, televido, radio) sufiĉos por lernigi la francan. La miriga rezulto estas kvarlingvaj infanoj jam de frua aĝo.

La USUL-a sistemo estas iom malpli simpla, ĉar ĉiu aparta lingvo devas esti uzata en specifa situacio (loka aŭ tempa). Tial, ekzemple, la familio povas uzi nacian lingvon matene kaj Esperanton posttagmeze, aŭ uzi Esperanton lunde, A-lingvon marde, B-lingvon merkrede ktp. Tre ofte USUL-an tipon kreas edzaj aŭ edzinaj parencoj: la lingvo(j) de la parencoj estas uzataj kiam ili vizitas la familion aŭ inverse, alikaze oni uzas Esperanton.

Alia ebla kialo por adopti Esperanton hejme, eĉ se ne temas pri internaciaj paroj, estas la deziro transdoni al siaj gefiloj tion, kion oni konsideras la plej bona — kaj por nemalmultaj esperantistoj la internacia lingvo ja estas nemalhavebla trezoro. Kial do lasi ĝian lernadon al la hazardoj de la vivo, des pli ĉar ordinare oni ne instruas Esperanton en la lernejoj? La denaska lernado do estas garantio de tio, ke la infanoj almenaŭ regos la lingvon, kvankam la estonta partopreno en la Movado vere dependos de la mensa bildo pri la Esperanta vivo de iliaj gepatroj. Ĉiuj fazoj de la karakterformiĝo povos influi tiun sintenon: foje denaskuloj provizore dum sia adoleska krizo rifuzas Esperanton, kaj poste, dum sia plenkreskula vivo, readoptas ĝin (foje sufiĉe forte por transdoni la semon al la propraj infanoj).

Ankoraŭ plia pravigo por denaske eduki siajn infanojn Esperante estas la konscio pri la psikologiaj kaj intelektaj avantaĝoj, kiujn plurlingveco donas al la disvolviĝantaj cerboj de geknaboj. Tio jam estis science pruvita rilate aliajn lingvokombinojn, sed Esperanto ŝajnas esti pli taŭga kaj konforma al la logika rezonado de du- ĝis sep-jaraĝaj infanoj. Cetere, la propedeŭtika* valoro de Esperanto estas ĉiam valida. Mi memoras okazon, kiam mi klarigis al mia filino — pere de Esperanto — koncepton, kiu estis por ŝi ne sufiĉe klara en la nacia (portugala) lingvo pro ties nereguleco.

## "Anstataŭ batali kontraŭ plenkreskaj "krokodiloj", mi preferis dediĉi agrablajn horojn por esperantigi petolajn bubojn"

Mia decido uzi Esperanton hejme estis principe motivita kiel donaco al la infanoj, sed ĝi havis vere neatenditajn rezultojn: mi kreis al mi mem bonegan manieron uzi aktive kaj parole nian lingvon kun ofteco kaj daŭro neebla por brazila esperantisto, ĉu pro la malfacileco vojaĝi al eksterlandaj eventoj, ĉu pro la malofta veno de alilandaj esperantistoj al nia lando, kio klarigas la kutimon de multaj lokaj esperantistoj uzi la nacian lingvon en la Esperanto-kluboj. Anstataŭ elspezi herkulan energion por batali kontraŭ plenkreskaj "krokodiloj", mi preferis dediĉi agrablajn horojn por esperantigi petolajn (vidu la foton) bubojn.

Grava aspekto en la sinteno de la infanoj rilate denaskan uzon de Esperanto kuŝas en tio, ĉu la gepatroj uzas la lingvon unu kun la alia. Se jes (kazo de internaciaj paroj), tre nature, ke ankaŭ la infanoj emos paroli Esperanton. Se tamen patro kaj patrino interparolas nacilingve (ĉar unu el ili ne scipovas aŭ ne ŝatas Esperanton), la infanoj komprenos, ke ili rajtas alparoli ambaŭ gepatrojn nacilingve, kaj rezulte ili nur pasive regos Esperanton. La pasiveco daŭros almenaŭ ĝis kiam ili spertos tute internacian etoson, kiel renkontiĝo de Esperanto-familioj. La kontakto kun alilingvaj infanoj kaj la neceso komunikiĝi pere de Esperanto estas stimulo sufiĉe forta por aktivigi la pasivajn lingvo-konojn. Ankaŭ la uzo de la interreto povas krei tiajn interkulturajn kontaktojn,

kondiĉe ke la infano jam kapablas uzi komputilon.

Ebla kritiko kontraŭ denaskismo fontas el la timo, ke ĝi minacus la neŭtralecon de Esperanto, kiu principe estas nenies gepatra lingvo. Tiu hezito ne estas pravigebla ĉar, kiel ni vidis, Esperanto povas esti denaske uzata, sed tre malofte ĝi estas la sola lingvo de infano, kaj sekve ĝi povas esti rigardata nur kiel aldona lingvo eĉ inter denaskuloj. Cetere, la nombro de denaskuloj ĉiam estis multe pli malgranda ol tiu de nedenaskaj uzantoj, kaj tio sufiĉas por ke la normo de la lingvouzo estu ĉiam difinata internacie, kontraste al la etnaj lingvoj.

**"Dum la averaĝaj esperantistoj rapide komprenas, kio estas "nepagipova lando" kaj "internacia respondkupono", tre verŝajne ili ne kapablas nomi "suĉ-botelon" aŭ "vindaĵon"**

Pro ĉiuj tiuj avantaĝoj ŝajnas ke denaskismo rapide prosperos inter esperantistoj. Tio estas bonvena, ĉar tiu fenomeno devigas la utiligadon de ofte neglektataj vortoj por hejmaj kaj ĉiutagaj aĵoj: dum la averaĝaj esperantistoj rapide komprenas, kio estas "nepagipova lando" kaj "internacia respondkupono", tre verŝajne ili ne kapablas nomi "suĉ-botelon" aŭ "vindaĵon", kiam ili renkontas tiujn bebajn objektojn. Tial gepatroj devos esplori vortarojn pli ofte ol kutime, kaj jam ekzistas bonaj vortaroj por tiu celo. Estas ankaŭ grave zorgi ke ne manku Esperantaj infan-libroj kaj infanmuziko. Estas kortuŝa travivaĵo, kiam legado de fabelo en Esperanto sufiĉas por ridigi aŭ ploretigi la etulojn... Feliĉe, ne mankas bonaj tradukitaj kaj originalaj infan-libroj en nia Movado.

Kun la popularigo de denaskismo eblos organizi pli kaj pli da renkontiĝoj de infanoj denaske parolantaj Esperanton, kiel la Renkontiĝo de Esperanto-Familioj aŭ la Familia MontKabana Renkontiĝo, kiuj okazas ĉiujare en Eŭropo. La defio nun estas organizi sam-nivelajn aranĝojn en aliaj kontinentoj. En Brazilo, pro la ekzisto de almenaŭ dudeko da denaskuloj, oni jam planas provi ion similan dum la nacia kongreso de 2006. Kompreneble, estos bonvenaj alilandaj Esperanto-familioj! Sendube tiuj ekzemploj de interkultura komunikado fare de tre junaj homoj estos multe pli efika reklamilo ol deko da ordinaraj Esperanto-kongresoj.

* propedeŭtika — helpa en lernado (ĉi tie) de fremdaj lingvoj


KOMPLEZE DE LA AŬTORO

Pedro kaj Helena, denaskuloj de familio Truzzi Ávila

**<Rete>**

Por lerni pli pri la temo vi povas aboni la bultenon *Familia Esperanto*, eldonata de Rondo Familia (UEA), aŭ membriĝi en la diskut-listo <denask-l@helsinki.fi>, pere de kiu gepatroj de denaskuloj interŝanĝas spertojn kaj konsilojn.

**<Legu>**

*Dulingve — pli simple.* Ernö Csiszár. UEA. Roterdamo. 1995. 86 paĝoj. 4,8 EUR.

*Familia lingvo: Esperanto.* Gilbert R. Ledon. 1996. 19 pagoj. 1,5 EUR.

*Hejma vortaro.* Vortareto de hejmaĵoj en Esperanto. UEA. Rotterdam. 2000 (repr.). 62 paĝoj. 7,5 EUR.

Bv. mendi ĉe la libroservo de UEA — <www.uea.org/katalogo>.

# Ĉu tri lingvoj funkcias kiel "du lingvoj"?

*Renato Corsetti, Italio*

Nu, nun la respondo ŝajnas banala: jes! Sed antaŭ ol komenci la edukadon de niaj infanoj per tri lingvoj ni ne estis tute certaj. Mi jam sciis sufiĉe pri dulingveco, sed apenaŭ ion pri trilingveco. Mi, do, komencis serĉi artikolojn pri kazoj de denaske trilingvaj infanoj, kaj trovis kelkajn, kiuj tamen priskribis iom apartajn situaciojn en Hindio aŭ en Amazonio. Tamen, ĉiuj indikis, ke trilingveco estas normala situacio de la vivo en multaj partoj de la mondo, kaj ni kuraĝe ekiris.

Komence mankis veraj problemoj, ĉar ambaŭ el la gepatroj parolis po unu lingvon al Gabrielo, nia unua filo (Esperanton — la patro, la anglan — la patrino), kaj li ŝajnis reagi normale. Ni sekvis la tiel nomatan metodon *unu persono — unu lingvo*, kaj Anna, mia edzino, nun bedaŭras ke ni ne sekvis la metodon *unu situacio — unu lingvo*, kio, laŭ ŝi, estus fortiginta Esperanton. Sed oni ne povas refari la aferon. La mankanta lingvo tiam estis la lingvo de la medio, la itala en nia kazo, kvankam ne tute, ĉar mia patrino, kiu vizitis nin, sed ne tre ofte, ja parolis en la itala al la bebo.

La itala lingvo vere envenis, kiam ni ekhavis italan knabinon, kiu ludis kun Gabrielo en la itala. Post ioma signo de perplekso, ĉar ĉi tiu knabino parolis en alia maniero, Gabrielo reviziis sian komencan hipotezon: "En la mondo viroj parolas Esperanton kaj virinoj angle" al iom pli rafinita hipotezo: "En la mondo ĉiu parolas malsaman lingvon", kaj li entuziasme komencis lerni la novan lingvon. Lia metodo estis tute Cseh-metoda: li rondiris la domon kaj la ĝardenon kaj fingromontris al la ĉirkaŭaj objektoj, postulante ke la knabino donu la nomon en la itala.

Entute li ne havis problemojn, kaj en tiu periodo, de unu ĝis tri jaroj, li lernis konstante la tri lingvojn. Oni eĉ kaŝe observis lin en la lito antaŭ ol endormiĝi, dum li reviziis siajn lingvojn dirante al si mem: "panjo: *car*, paĉjo: aŭtomobilo, Maria-Elena (la knabino): *macchina*; panjo: *bicycle*; paĉjo: biciklo; Maria-Elena: *bicicletta* ktp.

Kompreneble, li miksis la tri lingvojn en siaj unuaj frazoj, ĉar en tiu periodo li ne ĉiam konis ĉiujn vortojn en ĉiuj lingvoj, kaj sekve li utiligis tion, kion li konis. Restas memorindaj en la familia historio liaj du sinsekvaj frazoj: "Macchina daddy lampo" kaj "Macchina daddy lampo no". La prononco efektive estis iom bebeca, sed kun bonaj elparolaj trajtoj de la tri lingvoj, sonis pli malpli jene: "mak:ja dadi lampo noŭ", do kun duobla itala "k" kaj kun malforta diftongigo de la angla "o" en "no". La cirkonstancoj estis la jenaj: irante al la Universala Kongreso en Aŭgsburgo, kiam ni atingis la germanan aŭtovojon, ni estis preterpasitaj de aŭto de la germana polico, kiu tiam havis malnovajn *Volkswagen* de la sama speco, kiel nia aŭtomobilo, sed malsame de nia aŭtomobilo ĝi havis lumantan lampon supre. Poste aperis alia *Volkswagen* kiel nia, ordinara, ne de la polico. Per tiuj du frazoj Gabrielo volis diri: "Jen aŭtomobilo (*macchina* en la itala) kiel tiu de paĉjo [*daddy* en la angla] kun lampo" kaj "Jen aŭtomobilo kiel tiu de paĉjo sen lampo" (lampo ne, uzante la anglan "no").


KOMPLEZE DE R.C.

Anna kaj Renato kun eta Gabrielo

En tiu periodo ni ricevis amason da konsiloj, ankaŭ de pediatroj, ke ni ĉesu konfuzi la bebon per tiom da lingvoj, ke tio havos katastrofajn sekvojn al lia evoluo ktp. Bonŝance, ni ne atentis tiujn konsilojn. Post tri jaroj li pli kaj pli formis normalajn frazojn en la tri lingvoj. Kun la dua bebo ni sekvis la saman metodon, kaj ĉio estis jam pli simpla.

Ambaŭ infanoj vizitis kaj italan, kaj anglan lernejojn. Nun ili estas en siaj dudekaj jaroj kaj daŭre ni sekvas la kutiman sistemon: Esperanto estas parolata al la patro, la angla al la patrino, la itala al ĉeestantaj italoj. Unu el la du pli interesiĝas pri la Movado kaj partoprenas junularajn aranĝojn preskaŭ ĉiam, la alia malpli interesiĝas, sed same sekvas pasive movadajn aferojn per la gepatroj.

# Tri brilaj paroj

**Kiam okazis la unua geedziĝo inter esperantistoj? Kaj kiam okazis la unua *internacia* E-geedziĝo? La respondon vi trovos en la ĉi-suba artikolo, kies aŭtoro jam dum multaj jaroj esploras la vivojn de E-pioniroj, kaj ĉiam malkovras ion novan... foje eĉ misteran! — Red.**

*Jefim ZAJDMAN, Ukrainio (Jalto)*

La jaro 1892 estis mejloŝtona en la rusia Esperanto-movado: en Sankt-Peterburgo aperis la unua oficiala E-societo 'Espero', en Odeso — la unua ĝia filio, kaj en Jalto* d-ro Ilja OSTROVSKIJ, eksciinte pri la societo 'Espero', komencis lerni Esperanton kun sia 10-jaraĝa filino Nadja. Kaj baldaŭ li fariĝis la plej sukcesa varbanto por la Movado. Tiutempe en Svedio aktivis studento


KOMPLEZE DE LA AŬTORO

Valdemar LANGLET

Valdemar LANGLET [lanle], kies nomo ofte aperis sur paĝoj de la unua E-gazeto *La Esperantisto*. En 1891 li fondis en sia urbo, Uppsala, la duan E-klubon en la mondo. Rusiaj esperantistoj tiam "kuiriĝis en la propra suko", ne havante parolan praktikon kun eksterlandanoj. Kaj jen — d-ro OSTROVSKIJ decidas gastigi la svedan junulon kaj invitas lin al Jalto. Kiu povis scii tiam, ke la renkontiĝo estas komenco de la fadeno, kiu etendiĝos tra jarcento kaj kunligos niajn heroojn?..

Valdemar decidis veturi kun sia amiko, studento ETZEL, kiu lernis Esperanton survoje. Ili vizitis Odeson kaj konatiĝis tie kun familio de famaj E-pioniroj: Nikolao BOROVKO kaj Antonina ĈAJKOVSKAJA, kiuj post dekoj da jaroj fariĝos bopatro kaj bopatrino de Valdemar. Antonina akompanis la junulojn al Jalto kaj estis ilia ĉiĉerono tra la krimea montaro. Tri semajnojn Valdemar kun plezuro konversaciis kun d-ro Ilja OSTROVSKIJ kaj baldaŭ ili ambaŭ jam flue parolis. Tuj poste Valdemar entreprenis vojaĝon tra Rusio ĉevalrajde — li estis, fakte, la unua E-vojaĝanto (*KONTAKTO* 195, 2003:3). Reveninte Svedion, li fondis la duan E-gazeton en la mondo — *Lingvo Internacia*; tiam li estis nur 23-jaraĝa. Post tiu renkontiĝo ĉiuj kvar (Nikolao, Antonina, Ilja kaj Valdemar) fariĝis fidelaj amikoj por la tuta vivo: intense interkorespondis, kune batalis kontraŭ provoj reformi Esperanton kaj eĉ helpis unu al la alia, kiel parencoj.

## La unua internacia Esperanto-paro

En 1899 okazis la unua internacia E-geedziĝo — inter Valdemar LANGLET kaj finna esperantistino Signe BLOMBERG (1876-1921). Li tiam jam finis la studadon en la universitato kaj estis ĵurnalisto. La mielmonato estis vojaĝo al Samarkando (Uzbekio, tiam en la Rusia Imperio) tra Rusio. Ĉar la vojaĝon subtenis reĝo Oskaro la Dua, Valdemar kun la edzino kaj frato Aleks ricevis


KOMPLEZE DE LA AŬTORO

Valdemar studento

rekomendojn de la sveda Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj al rusiaj superaj instancoj, kaj kiam ili venis en Sankt-Peterburgon, oni disponigis al ili apartan vagonon (tien kaj reen) kun konduktoro. Reveninte Svedion, Valdemar organizis luksan ekspozicion pri Samarkando. En 1905-1906 Valdemar daŭrigis la studadon en germana universitato kaj baldaŭ fariĝis sekretario de la Sveda Turista Asocio kaj samtempe sekretario en la sekreta gazetarservo de la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj.

Signe naskis du filojn — Emil kaj Lars; en Stokholmo nun loĝas 58-jaraĝa ĵurnalistino Monika LANGLET, filino de Lars. En 2003 ŝi gastis ĉe la aŭtoro de ĉi tiu artikolo en Jalto kaj partoprenis E-aranĝon Aroma Jalto. Tre simbole: la E-aranĝon en Jalto partoprenis nepino de la unua internacia E-paro, kies avo ekzercis paroli Esperanton en la sama urbo antaŭ pli ol cent jaroj — en fora 1895!

## Gejustuloj de la mondo

En 1896 Antonina ĈAJKOVSKAJA gravediĝis kaj diris: se naskiĝos knabo, ni nomu lin Valdemar. Sed naskiĝis filino, Nina. Kiam Valdemar edziĝis, Nina estis nur trijaraĝa. Ŝi ekvidis lin unuafoje en 1923 en Moskvo, kiun Valdemar vizitis kiel ĵurnalisto. Ekvidis… kaj tuj ekamis tiun ĉi junaspektan imponan 51-jaraĝan viron, pli aĝan ol ŝi je 25 jaroj. Fakte, ŝi jam antaŭlonge estis enamiĝinta al li, ĉar lia nomo konstante sonis en la domo, kaj super ŝia lito ekde lulil-tempo


KOMPLEZE DE MONIKA LANGLET

Signe BLOMBERG

pendis foto de la jaro 1895, en kiu Valdemar sidas apud ŝia patrino. Kiam ŝi diris pri la foto al Valdemar, li tuj elpoŝigis la kopion, kiun li ĉiam kunportis. La patro de Nina, Nikolao BOROVKO, mortis en 1913, kaj lia edzino Antonina restis kun tri infanoj, kaj la familio malsatis en tiu tempo, malfacila por Rusio. Valdemar konversaciis kun la familio en kvar lingvoj: kun Antonina en Esperanto, kun la filo ruse, kun Nina germane kaj kun ties fratino france. Vidante, en kiu mizera stato estas la familio, Valdemar proponis al Antonina kunpreni al Svedio iun el la infanoj, kaj ŝi petis preni Nina-n por jaro — ŝi ne povis fini la muzikan studadon en Moskvo. Valdemar kaj Nina forveturis, kaj en 1925 ili geedziĝis. Stranga koincido — en 1916 fratino de Nina verkis romanon "La verda ringo", en kiu Nina estis ĉefheroino kun la familinomo LANGLET!

La paro multe vojaĝis, kaj en 1932 ili porlonge enloĝiĝis en Budapeŝto. Valdemar LANGLET instruis la svedan lingvon en Budapeŝta universitato, Nina instruis pian-, violon-, gitar-ludadon kaj la rusan lingvon. La interesa, eventoriĉa vivo de niaj herooj interrompiĝis, kiam en 1944 Valdemar eksciis pri la amasaj mortigoj de judoj en la naziaj koncentrejoj. Li fariĝis estro de la Sveda Ruĝa Kruco en Budapeŝto kaj kune kun Nina ekgvidis sav-agadon de la persekutataj judoj kaj kristanoj, provizante tiujn per savdokumentoj de la Ruĝa Kruco (pli detale legu en revuo *Esperanto*, januaro 2004). Valdemar tiutempe estis jam 72-jaraĝa (!), sed li daŭrigis la danĝeran agadon eĉ el la kaŝejo en 1945, kiam li estis mortkondamnita de la nazioj (pri ĉio ĉi Nina skribis en sia libro *Kaoso en Budapeŝto* — Red.). Li mortis en 1960. En 1966 Israelo nomis lin kaj Nina-n "justuloj de la mondo" (tiun honoran titolon oni donas al nejudoj, kiuj kun risko al sia vivo savis judojn de la nazioj), kaj Nina lige al tio veturis al Israelo por planti tie du arbojn en la Parko de Justuloj. Estas interese, ke sian solenan paroladon ŝi faris en la hebrea, kiun ŝi komencis studi antaŭ la forveturo. Ŝi estis tiam 70-jaraĝa! Poste ŝi plu studis la lingvon kaj estis kunaŭtoro de kelkaj lernolibroj pri la hebrea kaj hebre-svedaj vortaroj.

La tuta mondo scias pri la samtempa sav-agado en Budapeŝto fare de la sveda diplomato Raoul WALLENBERG [raul valenberg], ĉar li estis forkaptita de la rusa kontraŭspiona organizaĵo *Smerŝ* kaj poste mortigita**. Sed la nomoj de niaj herooj longe restis en la ombro de la fameco de WALLENBERG. Nur en 2002, dank' al insista laboro de svedaj esperantistoj ili ambaŭ estis nomitaj "Honoraj civitanoj de Israelo". Nina mortis en 1988, kaj ĝis nun en la ĉambro en Uppsala, kie ŝi loĝis, super ŝia lito pendas la foto de 1895…

## La tria paro

Restas rakonti nur pri Nikolao BOROVKO (1863-1913) kaj Antonina ĈAJKOVSKAJA (1872-1948). Nikolao naskiĝis en nobela ukraina familio, Antonina havis polan patron kaj grekan patrinon.


KOMPLEZE DE AGNETA EMANUELSSON

Valdemar LANGLET, vojaĝante tra Rusio



Sidas: Valdemar kaj Antonina, staras: (maldekstre) d-ro OSTROVSKIJ, lia filino Nadja kaj studento ETZEL (1895)

Ambaŭ iliaj patrinoj mortis dum akuŝo.

En 1887 ZAMENHOF ricevis el Krimeo leteron en Esperanto, kiu tre kortuŝis lin. La 15-jaraĝa knabino skribis, ke ŝi ne bezonas atendi ĝis kiam milionoj ekdeziros lerni la novan lingvon, kaj ke ŝi jam ellernis ĝin kaj instruas al la geamikoj. Tiu estis la unua esperantistino el Simferopolo (ĉefurbo de Krimeo) — Antonina ĈAJKOVSKAJA.

Nikolao BOROVKO eklernis Esperanton en 1889, kiam li militservis en ekzilo en Siberio. Post reveno el Siberio li klerigis sin en bibliotekoj kaj fariĝis enciklopedie klera homo: psikologo, filozofo, arĥeologo, literaturisto, talenta inĝeniero... Lia unua artikolo "Teatro esperantista", en kiu li proponis propagandcele krei migrantan E-teatron, aperis en *La Esperantisto* en 1892. Li estas konata precipe pro la letero de ZAMENHOF pri la deveno de Esperanto, kiun tiu skribis responde al BOROVKO. Sed malmultaj scias, ke BOROVKO estas aŭtoro de la unuaj originalaj noveloj en Esperanto.

Antonina kaj Nikolao renkontiĝis en odesa E-klubo kaj estis inter la plej aktivaj klubanoj, kiuj fondis la filion de 'Espero'. En 1892 en *La Esperantisto* aperis rakonto de Antonina "La terura nokto" kun la subtitolo "dediĉita al mia altirinto, s-ro N. BOROVKO".

En 1894, post longaj disputoj pri reformoj en Esperanto, ili propramone organizis pri tio perleteran balotadon, kaj ZAMENHOF sendis al ili dankleteron pro ilia agado. En 1896-97 ili loĝis kaj laboris en Sankt-Peterburgo. Nikolao estis la dua prezidanto de la societo Espero, Antonina — tre aktiva ano de la societo. Ŝi sukcesis tiam interesigi pri Esperanto faman rusan verkiston KOROLENKO kaj instigi faman komponiston, direktoron de moskva konservatorio, esperantiston TANEEV verki la unuajn melodiojn por E-versoj.

En 1902 ili ekloĝis en Jalto, kie Nikolao fondis la unuan publikan bibliotekon, sed en 1906 la tuta familio estis elurbigita pro liaj artikoloj en la urba ĵurnalo lige kun la cara manifesto de 1905***. Li ne estis revoluciema, simple demokrata, sed tiutempe ankaŭ tio estis punenda. Tamen en 1908 li fariĝis direktoro de la ĉefa biblioteko en Simferopolo kaj laboris tie ĝis la morto. Antonina estis direktoro de alia urba biblioteko kaj post lia morto longe okupis tiun postenon. Antonina naskis ses infanojn, el kiuj du mortis infanaĝe. La familio vivis tre amike, malgraŭ ke la vivo ne estis facila por ili. Antonina mortis en soleco: ŝi ne povis renkontiĝi kun Nina kaj aliaj gefiloj mortis…

De Monika LANGLET, kiu amikis kun Nina (kaj, cetere, afable disponigis la foton — Red.), mi multe eksciis pri la familio BOROVKO kaj poste serĉis la spurojn de la familio en arkivoj. Rezulte mi sentas min kvazaŭ parencon de ĉiuj tiuj homoj, kaj verŝajne mi neniam ĉesos serĉi ĉion, kio estas ligita kun ili. La amikoj ŝercas, ke "BOROVKO reenkarniĝis en min", kaj tio estas por mi flataĵo. Kion aldoni? Foje mi vizitis bibliotekon en Simferopolo, kies direktoro estis Antonina. Tiu konstruaĵo tamen ne plu estas biblioteko — oni faris el ĝi apartamentaron. Kaj imagu mian miron, kiam mi komprenis, ke mi.. naskiĝis ĝuste en tiu ĉi ejo!



La unua publika biblioteko en Jalto (1902), fondita de N. BOROVKO

## <Legu>

*Kaoso en Budapeŝto.* Nina LANGLET. Trad. K. KNIIVILÄ. Red. Istvan ÉRTL. Bambu. Varna. 2001. 168 p. 9.30 EUR.

* Odeso kaj Jalto (Krimeo), nun ukrainiaj, tiam estis en la Rusia Imperio — Red.
** aŭ, pli ĝuste, "malaperis senspure" — Red.
*** la manifesto estis kreita dum la pinto de la Tutrusia Politika Striko oktobre 1905 — Red.



Nina LANGLET

(fino. Komenco sur p. 4)

# "Unue ŝin/lin redaktu, poste geedziĝu!"

**Tion diris Istvan ÉRTL en intervjuo por la jubilea numero de *KONTAKTO* (197, 2003:5). Temis pri lia konatiĝo kun la estonta edzino dum li estis redaktoro de *KONTAKTO*. Tiam ni, la nunaj *KONTAKTO*-redaktoroj, respondis: "dankon pro la valora konsilo!" kaj jen ankaŭ ni povos doni la samajn konsilojn al niaj posteuloj!**

"Nia konatiĝo okazis malsame ol multaj aliaj — ni kandidatiĝis por la sama posteno, tiu de *KONTAKTO*-redaktoro, — diras Ĵenja. — Mia elektiĝo kiel redaktoro en 2001 (por labori ekde 2002) estis por mi, efektive, granda surprizo: malgraŭ kelkjara ĵurnalista sperto, mi estis relative freŝbakita esperantistino, kun nur dujara E-sperto, kaj mi nepre bezonis bonan korektiston. Mi sciis, ke lastminute kandidatiĝis alia persono, kiun mi ne konis, kaj petis ke oni sendu al mi lian/ŝian sinprezenton. Oni sendis, kaj mi estis ege impresita de lia sperto — li ja havis "pliajn" kvin jarojn en Esperantio kaj plurajn E-diplomojn. Laŭ lingva vidpunkto, li estis multe pli taŭga kandidato ol mi (efektive, li estis jam sukcesinta en la plej alta ILEI-ekzameno antaŭ ol mi eĉ eklernis la lingvon!). Mi kompreneble tuj skribis al li kun la peto esti ĉef-korektisto — kvankam mi dubis, ke li akceptos… Sed — li akceptis, je mia granda ĝojo! Kaj ekde la komenco li faris multe pli ol necesas — li verkis kaj multe konsilis".

"Kiam mi eksciis, kiom 'freŝbakita' estas la nova redaktorino, mi iomete ŝokiĝis, ĉar, kvankam mi ne havis la sciojn pri grafik-programoj kaj ĵurnalismo, kiel ŝi, mi tamen ne komprenis, kiel ŝi povos gardi la lingvonormojn kaj ĝenerale orientiĝi en la Movado, kiun ŝi nebone konas, — diras Joel. — Sed kiam ni ekkorespondis, ŝia kapablo kaj ĉarmo tuj ŝanĝis mian opinion, kaj tiel fondiĝis bonaj labor-rilato kaj amikeco".

Sed pasis multe da tempo, ĝis ni konatiĝis persone: tio okazis post du jaroj, somere 2003. Joel vizitis IJK-on en Svedio, kaj Ĵenja invitis lin viziti ankaŭ Ukrainion ("estas preskaŭ apude — nur du tagojn trajne", — ŝi diris). Li volonte konsentis. Ni tuj rekonis unu la alian en la stacidomo (malgraŭ ke Ĵenja eĉ ne vidis fotojn de Joel antaŭe), kaj la konatiĝ-brakumo daŭris iom pli longe ol kutime dum la unua renkontiĝo. Kaj jen, post malpli ol du jaroj, ni geedziĝis.

Joel loĝis en Ukrainio ĉirkaŭ sep monatojn: "Kun Ĵenja mi neniam vere sentis iujn kulturajn diferencojn, kaj apenaŭ iujn inter niaj landoj (krom la neridetemo de vendistoj k.s.). La vivnivelo kaj kondiĉoj, kompreneble, estas malsamaj, sed la internaj valoroj ne draste diferencas de miaj sud-usonaj. Tamen, unu granda diferenco — la eblo trinki bieron surstrate kaj aĉeti alkoholon dimanĉe — aferoj en mia regiono neimageblaj".

Ĵenja: "Joel ŝajne tre bone sentis sin en la ukraina medio — eble, pro biero surstrate (ŝerco). Sed serioze, li tre imponis al ĉiuj miaj amikoj, parencoj kaj kunlaborantoj — ĝis nun oni ĉiam transdonas salutojn al li! Efektive, ankaŭ mi tute ne spertis kulturŝokon en Usono — la homoj ĉi tie estas afablaj kaj la vetero bonas. En Ukrainio multaj kredas, ke en Usono oni apenaŭ kuiras — nur aĉetas ĉion pretan aŭ duonpretan kaj nur varmigas. Mi kun ĝojo malkovris, ke tio ne veras. Sed kelkaj aferoj ja impresis min — ekzemple, la grandeco de ĉio — grandaj pakaĵoj, grandaj ŝoseoj, grandaj vestaĵoj en la vendejoj (ĉi-lasta prezentas malfacilaĵojn: ekzemple, aĉeti kompleton por altaj maldikaj virinoj ĉi tie tre malfacilas…). Kaj — jes, famaj usonaj ridetoj. Oni ridetas ĉie — en supermarktoj, en metroo kaj aŭtobusoj, simple sur stratoj (kaj foje eĉ salutas nekonatojn — tion oni faras en Ukrainio nur en vilaĝoj). Kaj ŝajne homoj ridetas ne ĉar "tiel necesas", sed ĉar ili sincere volas rideti! Foje, mi memoras, en aŭtobuson eniris virino kaj demandis al ĉiuj, kio estas la rezulto de la basbal-matĉo — kaj ĉiuj komencis rakonti pri la matĉo, kun ĉiuj detaloj".

Kompreneble, la usonaj enmigraj burokrataĵoj prezentis grandajn malfacilaĵojn. Sed finfine aferoj iris pli glate, ol ni antaŭe supozis. Interesa afero estas, ke dum la viza intervjuo la unua demando de la usona viza konsulo (eĉ en la ukraina lingvo!) estis, "en kiu lingvo vi parolas?" Nu, pli bonan demandon por esperantisto oni eĉ ne povas elpensi, ĉu ne? Kiel evidentiĝis, la viza konsulo sciis, kio estas Esperanto, kaj nur miris, ke oni "ankoraŭ parolas en ĝi" kaj "eĉ faras revuojn".







FOTOJ: INTERRETO

# La vivon indas vivi!

*Jim HENRY, Usono*

**Mi ne havas spacon detale skribi pri la longa kaj historia vivo kaj papado (pli ol 26-jara, la tria plej longa en la historio) de Johano Paŭlo la Dua — ĉi tie mi nur skizos kelkajn gravajn trajtojn de liaj vivo kaj mesaĝo.**

Jam junaĝe li suferis multe — pro la frua morto de sia patrino (1929), frato (1932), kaj patro (1941), kaj pro la invado de la nazioj en 1939. Post la Dua Mondmilito, la komunistoj subpremis la Eklezion nur iom malpli, ol faris la nazioj. Tra ĉio ĉi kreskis lia scio kaj sento pri la sankteco de la homa vivo, de ĉiu homo. Post la murdoprovo en 1981, li (ĝis tiam ankoraŭ tre atleta) eksuferis ankaŭ korpe. Kvankam li denove aktiviĝis kaj eĉ pli multe vojaĝadis, li neniam tute resaniĝis post tiu pafovundo. Kaj dum siaj finaj jaroj li ankaŭ malsaniĝis diversrilate, ĉefe pro parkinsona malsano.

Dum lia vivo, kaj aparte dum lia papado, pli kaj pli populariĝis la ideo, ke por tre malsanaj homoj pli indas morti ol plu vivi: gepatroj abortigas siajn idojn pro ties grava malsano, kelkaj malsanuloj petas rajton laŭleĝe mortigi sin, kaj en kelkaj landoj kuracistoj "bonmortigas" malsanulojn eĉ sen tia peto. Ne nur per sia instruado, sed per sia vivmaniero, li atestis al la tuta mondo, ke la vivon indas vivi: indas vivi eĉ sub la nazioj, eĉ kun pafovundo kaj eĉ kun nekuracebla malsano. La vivon simple indas vivi, ne pro ia plezuro, kiun oni povas ĉerpi el ĝi. Ni scias la sanktecon kaj gravecon de la homa vivo per tio, ke Dio mem rigardas ĝin tiel: li faris la homon aparte, ne samkiel la bestojn, sed "laŭ Sia bildo" (Gen. 1:27). La homo estas "montraĵo de Dio en la mondo, signo de lia ĉeesto, spuro de lia gloro" (*Evangelium Vitae*, #34). Kaj ne nur tio, sed kiam ni estis distranĉintaj nin de Dio, li mem homiĝis kaj mortis por revivigi nin. Se Jesuo taksis ĉiun homan vivon tiel grava, kiel ni povas sengravigi la vivon de iuj niaj kunhomoj? (EV, #25 & 33).

La vivo, "aparte homa vivo, apartenas nur al Dio: pro tio, kiu ajn atakas homan vivon, tiu iusence atakas Dion mem" (EV, #9). Tiel, en sia encikliko de 1995, Johano Paŭlo reasertis la kristanan kredon kontraŭ ideologioj, kiuj farus el la homo nur aparte inteligentan beston. Li ne nur kuraĝigis la vivsubtenan movadon (admonante, ke ĝi restu konsekvenca, t.e. senperforta), sed iris plu, dirante "Eĉ murdinto ne perdas sian personan dignon, kaj Dio mem promesas garantii tion" (EV, #9, aludante al Gen. 4:15). Kaj "la moderna socio havas rimedojn efike subpremi krimon per la maldanĝerigo de krimuloj, sen fine rifuzi al ili la eblecon reformiĝi" (EV #27). Sen kontraŭdiri la ortodoksan kredon, ke la ŝtato foje rajtas uzi mortigan punon, li tamen montris, ke maloftege indas uzi tiun rajton. Li citas Jesuon: "Amu viajn malamikojn, kaj preĝu por viaj persekutantoj" (Mat. 5:44).

Por refortigi kulturon de vivo kontraŭ la kreskanta kulturo de morto, necesas ne nur kontraŭstari al la vola mortigo (ĉu abortigo de naskutoj**, "bonmortigo" de malsanuloj aŭ sennecesa mortigo eĉ de krimuloj), sed ankaŭ oponi "ĉion, kio insultas la homan dignon, kiel subhomaj loĝkondiĉoj, arbitra enkarcerigo, ellandigo, sklaveco, prostituado, vendo de virinoj kaj infanoj; kaj ankaŭ maldecaj laborkondiĉoj, kie oni traktas homojn kiel gajnilojn, sed ne kiel liberajn, respondecajn personojn" (EV #3, citante *Gaudium et Spes*). Por tio, kaj por forigi la vivatencojn de malsato kaj kuracebla malsano, necesas ankaŭ ĝustigi la "maljustan distribuon de materiaj rimedoj inter popoloj kaj sociaj klasoj" (EV, #10; *Centessimus Annus*, trae).

Verŝajne la plej miskomprenata parto de lia instruo temas pri la signifo de amoro. Multaj, nur aŭdante pri lia rekondamno de samseksa seksumado, ekstergeedza amoro kaj malnaturaj koncip-malhelpiloj, simple nomas lin "konservativulo". Laŭ mi, pli taŭgas priskribi lin kiel *ortodoksan progresemulon*. Ni jam vidis ekzemplon de tio en lia instruo pri la mortpuno. Aliteme, dum li plu asertis la dogmon pri la esenco de la papeco, li petis ideojn pri tio, kiel la praktiko povus ŝanĝiĝi por helpi al la kristanaro reunuiĝi (*Ut Unum Sint*, #88-96). Simile, dum li plu asertis la ortodoksan dogmon pri amoro, li aŭdacis klarigi tion al la moderna mondo per nova filozofia vojo; uzante kaj la bazajn instruojn pri seksaj rilatoj el la Biblio, kaj la lastjarcentan filozofion *Personismo*, li surprize provis renovigi niajn ideojn pri la signifo de vira kaj ina, kaj tiu de amoro. En la geedza rilato inter viro kaj virino speguliĝas la kosma rilato inter Dio kaj homo. Kaj la aparta eco de tia amo estas unuopula, senrezerva sindono — tiel ĝi spegulas la amon inter Dio kaj homo, kaj eĉ la internan vivon de Dio, la amon inter la tri Personoj. (EV #23, 43; *Amo kaj Respondeco; La Teologio de la korpo*). Pro tio mirige komprenebliĝas la ŝajne strangaj, arbitraj malpermesoj, pro kiuj iuj nomis Johanon Paŭlon "konservativulo".

Mankas spaco por paroli pri liaj aliaj gravaj instruaĵoj kaj faroj — lia vojaĝado tra 104 landoj; lia faliga kontraŭstaro al komunismo; liaj ekumenaj streboj interkomprenigi katolikojn kaj "la disiĝintajn fratojn", kaj ankaŭ judojn, islamanojn kaj alireligianojn; lia speciala rilato kun gejunuloj; liaj pardonpetoj kaj restituoj*** pro la malbonaj faroj de kristanoj dum la jarcentoj...

*Dankon al Pastro Thomas HENNESSY, kiu donis al mi konsilojn pri la plej grave emfazindaj temoj.*

Legu pli ĉe IKUE <http://www.ikue.org/papoj/johanopaulodua/biografio.htm>. Ankaŭ vikipedio havas artikolon pri lia vivo <http://eo.wikipedia.org/wiki/Johano_Pa%C5%ADlo_la_2-a>.

* konsekri — per religiaj ritoj havigi al iu sanktan karakteron
** naskuto — eventuala naskoto
*** restitui — redoni al la antaŭa posedinto ion, kion oni nejuste prenis de li (N.PIV)

**<Gravaj datoj>**

1920, la 18-an de majo — Karol Józef WOJTYLA naskiĝas en Wadowice, Pollando
1942 — eniras seminarion, kaŝa pro la nazia okupado
1946, la 1-an de novembro — pastriĝas
1958, 28-an de septembro — estis konsekrita* kiel episkopo laŭ nomumo de Papo Pio la 12-a
1964 — Papo Paŭlo la 6-a nomumas lin kiel ĉefepiskopon de Krakovo, Pollando
1967 — Papo Paŭlo la 6-a nomumas lin kiel kardinalon
1978, 16-an de oktobro — estis elektita kiel papo, nominte sin Johano Paŭlo la Dua
2005, la 2-an de aprilo — mortas

**<Gravaj verkoj>**

*Miłość I Odpowiedzialność* — *Amo kaj Respondeco* — 1960.
*Gaudium et Spes* — *Ĝojo kaj espero.* Pastora konstitucio pri la Eklezio en la moderna mondo, 07.12.1965, pri kiu Wojtyla kunlaboris.
*Humanae Vitae* — *Homa vivo.* Encikliko de Paŭlo la Sesa pri nasklimigo, kiun kunverkis Wojtyla, 25.07.1968.
*Uomo e Donna Lo Creo* — *La Teologio de la Korpo.* Predikaro (1979-1984).
*Centesimus Annus* — *La centa jaro* [*post Rerum Novarum*]. Encikliko pri ekonomia vivo, 01.05.1991.
*Evangelium Vitae* — *La evangelio de vivo.* Encikliko pri sankteco de homa vivo, 25.03.1995.
*Ut Unum Sint* — *Por ke ĉiuj estu unu.* Encikliko pri ekumenismo, 25.05.1995.







# Defioj por la nova sidanto sur la Sankta Seĝo

*Joel* AMIS*, Usono*

**La nova papo heredis ne nur la plej altan postenon en la plej granda religia institucio en la mondo… li heredis ankaŭ plenan teleron da solvendaj problemoj kaj alfrontendaj krizoj. Tuj post la morto de Johano Paŭlo la Dua, oni konstante aŭdis laŭdojn pri liaj faroj kaj instruoj — plene meritataj laŭdoj, aparte pri la instruo de Johano Paŭlo la Dua pri la sankteco de ĉiu homa vivo. Ja en la impona ombro de la "Popola Papo" devos regi la nova ĉefpontifiko. Sed en la emociplena funebrado por la amata Johano Paŭlo la Dua oni indulge preteratentis la enormajn problemojn, kiujn li aŭ netaŭge solvis aŭ ignoris. Tamen, ilin devos iel solvi lia(j) posteulo(j). Ĉi tie mi ne parolos pri la plej polemikaj temoj, kiel samseksemeco, abortigoj, eŭtanazio, genetikaj ŝanĝoj ktp. Ĉiuj kristanaj grupoj daŭre luktas kontraŭ tiuj demandoj. Mi traktos nur la plej moderajn reformojn, kiujn jam akceptis preskaŭ ĉiuj Protestantaj eklezioj.**

## Pastromanko

En Norda Ameriko kaj Okcidenta Eŭropo la breĉo inter la nombro de katolikaj laikoj kaj katolikaj pastroj konstante grandiĝas. La katolika laikaro kreskas, sed ne sufiĉas pastroj por kontentige prizorgi ĉiujn parohojn (laŭ la gazetaro, tri mil parohoj en Usono estas sen pastroj). Kial? Nu, la respondo estas evidenta: por fariĝi rom-katolika pastro oni devas esti *viro*, kiu krome pretas por ĉiam rezigni geedzan kaj familian vivon. Pro tiuj rigoraj reguloj, multaj eventualaj kandidatoj estas fortimigataj. Sed estas unu facila solvo al tiu krizo — solvo, kiu solvus kaj la pastromankon, kaj la problemojn pri seksuma miskonduto. Kaj kiu, cetere, neniel kontraŭas fundamentajn katolikajn dogmojn. Tiu solvo estas permesi al edziĝintaj viroj pastriĝi (aŭ eĉ pli radikale: permesi al ĉiuj pastroj edziĝi). En la frua historio de la Eklezio pastroj ja rajtis havi edzinon — kaj eĉ nun greko-katolikaj* pastroj kaj kelkaj anglikanaj pastroj konvertiĝintaj al Rom-Katolikismo havas edzinojn. La regulo pri senedzineco estis enkondukita kiel disciplino en la Mezepoko, sed ĝi ja neniel apartenas al la dogmaro de la Eklezio. Se la nova papo ne akceptos eĉ tiun ĉi mildan solvon, estos certe, ke la pastraro daŭre ŝrumpos.

Pli radikala solvo estus doni al virinoj la rajton pastriĝi. Tamen por ke tio okazu necesus radikalaj reinterpretoj de ekleziaj tradicioj — des pli post la deklaro de Johano Paŭlo la Dua en 1994, ke la Eklezio tute ne havas aŭtoritaton ordini virinojn.

## Aidoso kaj loĝantarkreskego

La Eklezio en la "tria mondo" alfrontas alispecajn kaj pli seriozajn problemojn. Unu problemo estas aidoso, kiu mortigas ĉiam pli kaj pli da homoj, aparte en evolulandoj. Kaj ja ne plu eblas kulpigi nur samseksan konduton aŭ malĉastecon — nun granda kaj kreskanta parto de la suferantoj estas etaj infanoj denaske infektitaj.

Alia kriza problemo en evolulandoj estas troa loĝantarkreskego, kiu ne nur minacas elĉerpi natur-rimedojn kaj detrui la medion, sed kiu rezultigas ankaŭ nutromankegon kaj epidemiajn malsanojn.

Ĉi tiuj du problemoj rekte tuŝas la Rom-Katolikan Eklezion, ĉar nur en la tria mondo la membraro kaj pastraro de la Eklezio aktive kreskas. La Eklezio, do, havas ne nur eblon, sed eĉ devon strebi solvi ĉi tiujn problemojn. Sed Johano Paŭlo la Dua obstine gardis la tradician malpermeson pri kondomuzado. Ĉi tiu tradicia kontraŭo estas bazita sur absolutisma, dedukta moral-teologio, kiu asertas, ke ajna "nenatura" kontraŭkoncip-rimedo estas nepermesebla, ĉar ĝi intence celas malhelpi koncipon, kaj, sekve, kontraŭas la vivon mem. Nu jes, ĉio ĉi sonas tre konsekvence en dogmaj deklaroj — sed senkulpaj homoj mortadas ĉiutage! Kompreneble, la malpermeso de kondomoj validas tra la mondo — sed katolikoj en Eŭropo kaj Norda Ameriko ĝenerale ignoras la oficialan instruon. Nur en evoluantaj landoj, kun pli tradiciemaj kulturoj, kie homoj ne kutimas uzi kondomojn (ĉu por preventi neplanitajn gravediĝojn, ĉu por preventi infektiĝon) la afero urĝas — nun eĉ pasiva permeso de la Eklezio pri kondomuzado ne solvus ĉion… Tiuj ĉi krizegoj postulas aktivan rekomendon fare de la Eklezio. Se la nova papo ne eliros el la mucida ŝranko de rigidaj mezepokaj dogmoj sur la stratojn plenajn de suferantoj kaj ne faros konkretajn paŝojn por mildigi ilian suferadon (jes, Johano Paŭlo la Dua konsolis la suferantojn, sed ne faris tiun simplegan aferon, kiu savus milionojn — permesi kaj rekomendi kondomuzadon — pro abstraktaj ideologiaj kialoj), li riskos perdi milionojn da katolikoj — en la tria mondo pro malsat- kaj aidosrilataj mortoj kaj en la "unua mondo" pro perdego de liberalaj kaj moderaj katolikoj.

Do, konsiderante la staton de katolikismo, oni povus supozi, ke la kardinaloj emus elekti iun pli progreseman… sed la elekto de Kardinalo RATZINGER montras, ke la plimulto de ili ankoraŭ sidas en mucidaj vatikanaj ŝrankoj. Oni povas nur esperi, ke Benedikto la 16-a (aŭ liaj baldaŭaj posteuloj) povos praktike solvi la krizojn… por ke la Eklezio ne dronu iom-post-iom en la propraj obstinaj tradicioj.

* greko-katolikoj (uniatoj) — kristana grupo en Ukrainio kaj Belorusio, kiu plenumas ortodoksan ritaron, sed akceptas katolikajn dogmojn kaj estas sub aŭtoritato de la Papo — Red.

**Sur la fotoj. P. 10.** Antaŭ la atenco la papo estis tre atleta (f. 1-2). La papo pardonas Mehmeton Ali AGCA, kiu provis mortigi lin la 13-an de majo 1981. "Preĝu por mia frato (Agca), kiun mi sincere pardonis", — li diris (f. 3). **P. 11.** La Katolika eklezio nuntempe kreskas ĉefe en la "triamondaj" landoj (f. 1). Milionoj da homoj, ĉefe en la Tria Mondo, mortas pro aidoso ĉiujare (f. 2). Tre malmultaj povas rifuzi tiel grandan ĝojon de la vivo, kiel geedzeco kaj infanoj, por fariĝi pastro (f. 3).

## Manko de gvidantoj

En Eŭropo la proporcio de pastroj al la parohanoj estas 1 al 1200, en Afriko — 1 al 4000.




(laŭ la gazetaro)

# Rondo Familia:
## Familioj kaj generacioj en Esperantujo


KOMPLEZE DE LA AUTORO

Infanoj dum la fermo de la UK en Pekino 2004

*Amri Wandel, Israelo*
*(gvidanto de Rondo Familia de UEA)*

**Esperanto estas lingvo, sed ne nur. Ĝi estas ankaŭ socio, kulturo kaj parolantaro. Ekzistas E-parolantaj familioj, en kiuj kreskas infanoj, kiuj parolas Esperanton kiel sian gepatran lingvon: denaskaj E-parolantoj. Kiu estas la plej bona maniero eduki infanojn denaske? Ĉu nur unu el la gepatroj parolu al la infano en Esperanto, sed dum la tuta tempo? Aŭ prefere ambaŭ gepatroj parolu Esperanton al la infano, sed nur de tempo al tempo? Tiajn kaj aliajn demandojn rilate al E-parolantaj familioj diskutas la bulteno *Familia Esperanto* eldonata de Rondo Familia de UEA. Kio estas Rondo Familia? Ĝi naskiĝis el kerno de amikaj paroj kaj familioj, kiuj parolis Esperanton inter si kaj dividis la spertojn per cirkulero, kiu poste transformiĝis al *Familia Esperanto*. Ĝi klopodas disvastigi la informojn kaj la impresojn pri familiaj E-renkontiĝoj kaj ligi E-parolantajn familiojn. Per la retlisto <denask-l> ĝi helpas evoluigi hejmajn vortojn kaj lingvaĵon.**

### Mezaĝ-generacia breĉo

La E-parolantaro havas alian dividon de aĝoj ol la ordinara socio. En nia Movado mankas la mezaĝa generacio, pli-malpli inter la aĝoj tridek kaj sesdek jaroj. Dum tiu fazo en la vivo oni konstruas familion kaj karieron, kaj multaj personoj havas nek tempon nek energion por lerni novan lingvon aŭ aktivi en la Movado. Tiu manko estas foje nomata "la mezaĝ-generacia breĉo". Personoj, kiuj aktivis kaj okupiĝis pri Esperanto kiel gejunuloj, ofte ne trovas tempon daŭrigi la agadon. Ekzistas du esceptoj: tiuj, kiuj profesie okupiĝas pri Esperanto (kiel stabanoj de UEA kaj laborantoj ĉe Esperanto-oficejoj kaj eldonejoj), familioj, ĉe kiuj Esperanto estas la komunikad-lingvo (plej ofte internaciaj paroj) aŭ familioj, en kiuj unu el la gepatroj parolas Esperanton al la infanoj. La nombro de tiuj familioj kaj profesiaj esperantistoj tamen estas relative malgranda.

La Esperanto-parolantoj estas do dividitaj inter tri ĉefaj aĝgrupoj: pliaĝuloj (post la emeritiĝo), gejunuloj kaj infanoj. La plej granda el tiuj estas la pli aĝa grupo. Tamen, inter gejunuloj ekzistas intensa agado kaj relative multaj parolantoj. En la junulara medio oni ofte alprenas novajn ideojn kaj ŝatokupojn. Esperanto kiel internacia komunikilo — rimedo por internacie korespondi kaj vojaĝi — ofte logas gejunulojn.

Eble la plej bela fenomeno estas Esperanto dum la infanaĝo. Infanoj eklernas Esperanton, ĉu denaske aŭ en juna aĝo en la familia kadro. Tiu lingva akiro povas resti pasiva, flanka al la nacia lingvo uzata en la ĉirkaŭa medio, aŭ fariĝi aktiva, aparte se la infano havas kontakton kun aliaj samaĝaj infanoj, kiuj konas Esperanton. Tia kontakto plej ofte okazas dum familiaj E-aranĝoj kiel REF (Renkontiĝo de E-Familioj), PSI (Paska Semajno Internacia), IF (Internacia Festivalo), NR (Novjara Renkontiĝo) kaj similaj, aŭ renkontiĝoj kun aparta porinfana programo aŭ subaranĝo, kiel la IIK (Internacia Infana Kongreseto, apud la UK), al kiuj la infano vojaĝas kun la gepatroj. Tiuj renkontiĝoj donas al la partoprenantoj socian sperton de amika rondo, la tiel nomata "verda familio". La familiaj aranĝoj provizas per taŭga E-medio ankaŭ la junajn infanojn, ĉu kun la gepatroj (kiel, ekzemple, en REF) aŭ aparte kun gvidantoj (kiel en la IIK, ĉi-jare okazonta en Vilno).

### Infan-junulara breĉo

Ankaŭ inter la infana kaj junulara aĝgrupoj troviĝas truo, aŭ aĝ-breĉo, tamen ĝi estas malpli konata ol la mezaĝa breĉo. Temas pri infanoj tro aĝaj por la infanaj rondoj en familiaj renkontiĝoj, kiuj ne plu volonte vojaĝas kun la gepatroj, sed ankoraŭ ne povas memstare vojaĝi al junularaj aranĝoj. Familiaj kaj porinfanaj aranĝoj ofte ne plu taŭgas por infanoj pli aĝaj ol 13-15. Aliflanke, en internaciaj junularaj renkontiĝoj partoprenas pli aĝaj gejunuloj, plej ofte ekde 18-jaraĝaj.

Pro la fendo inter la infana kaj la junula grupoj, pluraj gejunuloj, kiuj konis kaj uzis Esperanton kiel infanoj, sed ne daŭrigis la agadon kaj perdis la intereson en la adoleska aĝo, forlasas la Movadon. Foje la interesiĝo pri Esperanto revekiĝas en pli maljuna aĝo, sed ofte tiuj potencialaj esperantistoj ne plu revenas al Esperanto. Tiu perdo estas eĉ pli bedaŭrinda, ĉar ĝuste en tiu kazo estas potencialo por aktivado dum proksimume dek jaroj aŭ pli (la aĝo inter 15-30). Aktiveco en la adoleska aĝo ankaŭ pligrandigas la ŝancon por revekiĝo post la eventuala mezaĝa breĉo.

Kiel ŝtopi la fendon inter infana kaj junula aĝoj? Unu maniero estas krei kadron por ĝuste tiu aĝgrupo — inter 13 kaj 18 — ĉe la familiaj aranĝoj kaj lokaj grupoj. Alia rimedo estas krei taŭgan kadron en la Universala Kongreso, tiel ke estu programo por adoleskantoj, organizata kaj planata de la adoleskantoj per rimedoj de la kongreso. Tria metodo estas agado kaj grupa partopreno en renkontiĝoj por adoleskantoj, iniciatita de plenkreskaj gvidantoj aŭ memstare de la adoleskantoj. Kvara vojo estas trakti la estiĝon de la breĉo jam de la pli juna aĝo. Se la pli junaj infanoj en E-familioj havos fortan kaj naturan kontakton kun aliaj samaĝaj infanoj kaj spertos internaciajn renkontiĝojn, ili volonte restos en la internacia E-medio dum la "danĝera aĝo", kaj tiel ŝrumpos la breĉo.

Unu el la plej gravaj celoj de Rondo Familia (RF) de UEA estas kovri tiujn du breĉojn: la infan-junularan kaj la mezaĝan. RF havas adresaron kaj kontaktojn kun centoj da E-familioj kaj sendas al multaj el ili la bultenon *Familia Esperanto*: al iuj kiel al abonantoj, al aliaj (ĉefe el "triamondaj" kaj nepagipovaj landoj) — senpage. Interalie, ĝi informas pri familiaj renkontiĝoj, pri spertoj de individuaj familioj kaj pri lingvaj aferoj rilataj al la E-lingvaĵo uzata hejme.

Alia rimedo por kovri la breĉojn estas kuraĝigi familiojn partopreni en la Universala Kongreso kaj partoprenigi siajn infanojn en la Internacia Infana Kongreseto. Tio alportas duoblan utilon: por la infanoj, la IIK plifortigas la kontakton per Esperanto kun aliaj infanoj en proksima aĝo kaj protektos ilin kontraŭ la infan-adoleska breĉo. Ankaŭ la gepatroj profitas: la eblo kunporti la infanojn al la kongreso sen devi daŭre ilin varti kaj povi plene partopreni la programon povas allogi la gepatrojn al aktiva partopreno en la E-medio ĝuste dum la jaroj de la mezaĝa breĉo. Por faciligi la partoprenon en la Infana Kongreseto RF strebas malgrandigi la kotizon, ĉu por individuaj kazoj, ĉu ĝenerale. Tio aparte gravas dum jaroj, kiam la UK okazas en relative multekostaj landoj, kiam la elspezo povas fariĝi tro alta por familioj el malpli riĉaj landoj aŭ kun pluraj infanoj.

Vi povas helpi al Rondo Familia plenumi siajn celojn per simbola abono al la bulteno *Familia Esperanto* (10 eŭroj, pagu al UEA) aŭ per kontribuoj al la fondaĵo idoj-p.


KOMPLEZE DE LA AUTORO

Gejunuloj dum la UK en Fortalezo, Brazilo 2002




# Rapidu fari bonon!

*Elizabet Lemeleva, Vladimir Lemelev, Rusio*

…nenio estas eĉ komparebla
kun unu ago de la homa bonkoreco.
B. Paskalo

Tio okazis dum nia juneco, antaŭ 45 jaroj, kiam ni ambaŭ estis studantoj en la sesa lernojaro de la Samarkanda **medicina** universitato (Uzbekio, tiama Sovetunio). Tiam ni praktikis en malsanulejo de la malgranda uzbekia urbo Katakurgano. La tempo estis preskaŭ postmilita, kaj la homoj plejparte vivis malriĉe.

Ni memoras, kvazaŭ tio okazis hieraŭ: en la malsanulejo, kie ni praktikis, kuŝis grave malsana homo — tre maljuna aveto, kiu havis ĉiujn simptomojn de kor-malsano. Sed, dank' al intensa kuracado, lia stato iom pliboniĝis, kaj li petis la permeson foriri hejmen: "Mia maljunulino hejme estas sola, tre **sopiras**; kaj krom tio mi ja laboras kiel **gardisto** en kinejo". Ni estis tre mirigitaj: "Aveto, vi estas jam pli ol sepdek-jaraĝa, malsana, malforta — vi devas ne plu labori!" Sed li malĝoje respondis: "Nu, kion fari — sen mia salajro ni ja ne povas vivi, ĉar ni ne havas aliajn viv-rimedojn..." Kaj li rakontis al ni sian malgajan historion.

La tutan vivon li laboris en kolĥozo*, sed li devis translokiĝi kun la familio en urbon, kiam li ankoraŭ ne atingis la **pensian** aĝon. Baldaŭ komenciĝis la milito; du liaj filoj **pereis** ĉe la fronto, kaj restis nur la malplej aĝa infano — filino, sed ŝi havis sian propran familion kun malgrandaj infanoj kaj laboris kiel sub-**flegistino** en malsanulejo. "Vivas ŝi tre malriĉe...", — aldonis la avo. Do, ni skribis lian adreson kaj decidis viziti lian familion: por ĝustigi iujn aldonajn informojn kaj eble iel helpi.

Ambaŭ gemaljunuloj loĝis ĉe la urborando en malgranda **mizera** dometo. Ili tre ekĝojis, kiam ni venis, kaj tuj volis trinkigi nin per teo. Ni demandis, ĉu ili havas iujn dokumentojn pri la pereintaj infanoj. La avo elprenis leterojn enpakitajn en malnovan gazeton — triangulojn, ricevitajn de la **fronto**. La filoj skribis, ke ili "batas" faŝistojn, tre amas la gepatrojn, sopiras... Finfine li montris la **funebran** informon pri la pereo de la pli juna filo (li mortis kiel **heroo**...). La pli aĝa filo "malaperis sen post-signo". Paradokse, sed pro mal-homamaj leĝoj oni rifuzis pagi pension al la maljunaj gepatroj de la filoj, kiuj pereis por la Patrujo. En unu kazo pro tio, ke pli juna filo pereis je la aĝo 18-jara — tiutempe liaj gepatroj, kompreneble, ne dependis de lia helpo. En la dua kazo, ĉar oni ne pagas pension al gepatroj, kies filoj malaperis sen post-signo…

Ni promesis al niaj gemaljunuloj ekscii pli pri tiu afero, sed dume ni donacis al ili 100 rublojn (la tiama studenta stipendio estis 220 rubloj monate) kaj decidis viziti ilin ĉiumonate kaj helpi almenaŭ per monrimedoj. Tamen estis necese trovi iun pli taŭgan solvon de tiu problemo... Neatendite ni rememoris, ke antaŭ-nelonge ni resanigis de grava malsano unu knabon. Lia patro, kiu laboris kiel **advokato**, dankis nin kaj promesis, ke ni povos turni nin al li por ajna konsilo. Do, ni vizitis lin kaj rakontis pri la malfeliĉo de niaj kompatindaj gemaljunuloj. "La afero, certe, estas malsimpla, sed ne senespera", — li diris. Sed restis unu grava "sed": necesis ke ili prezentu plendon ĉe juĝistaro kontraŭ la propra filino, kiu ne **provizadas** la maljunajn gepatrojn. Juĝistaro, certe, konsideros, ke la filino ne estas kapabla pagi pro malriĉeco. Tial, la ŝtato devos mon-helpi ilin.

La gemaljunuloj komence kontraŭis — ili ja ne volis "juĝ-**procesi** kontraŭ la propra filino". Ni devis tre longe klarigi al ili kaj al la filino, ke tio estos simpla formalaĵo, kaj ke la filino certe ne pagos ion. Sed — ĉio finiĝis bone: ekde tiam jam la ŝtato komencis provizadi "niajn" gemaljunulojn. Baldaŭ ni revenis hejmen en Samarkandon, sed ni ja daŭre korespondis kun niaj gemaljunuloj kaj de tempo al tempo sendis al ili negrandan mon-helpon.

Sed unu tagon ni ricevis la funebran leteron el Katakurgano. La avino skribis, ke antaŭ unu tago mortis la avo, kaj dank' al nia ĵus-sendita monhelpo ŝi aĉetis dek ovojn, iomete da butero, lakton, unu **akvomelonon** kaj aranĝis malgrandan funebraĵon por la mortinto. En la fino ŝi skribis: "Bona homo estis mia edzo, li neniam **ofendis** min, kaj ankaŭ mi ĉiam zorgis pri li. Kaj al vi — grandan dankon. Donu Dio al vi sanon, feliĉon! Dank' al vi mi daŭre ricevas la ŝtatan monhelpon".

* kolĥozo — kampara kolektivo

**advokato** — homo, kiu defendas aliajn homojn antaŭ la juĝisto
**akvomelono** — granda frukto, verda ekstere, sed ruĝa interne
**flegisto** — iu, kiu prizorgas malsanulojn
**fronto** — la antaŭa parto de la militanta militistaro
**funebro** — malĝoja sento pro ies morto
**gardisto** — iu, kiu certigas sendanĝerecon
**heroo** — faranto de kuraĝaj, bonaj agoj
**medicino** — scienco pri kuracado
**mizera** — malriĉega
**ofendi** — fari ion malbonan al iu
**pensio** — mono, kiun ricevas homoj, kiam ili ne plu laboras
**perei** — morti
**procesi** — alvoki antaŭ la juĝistaron alia(j)n homo(j)n
**provizi** — doni ion al iu
**sopiri** — senti sin soleca pro ies manko

Konkurse: Interkulturo

### Kultura mergiĝo*

*Jason Steve Sárközi, Usono*

Kion oni devas fari por plene sperti alian kulturon? Mia-opinie, oni devas manĝi **strangajn** manĝaĵojn kaj parto-preni nenormalajn agadojn. Mia amikino kaj mi ekloĝis en ĉina urbeto antaŭ kelkaj monatoj: ni iris tien por instrui la anglan kaj sperti azian kulturon.

La ĉinoj estas ege bon-koraj kaj **donac-emaj** homoj, kiuj ĉiam volas **imponi** al siaj ekster-landaj amikoj. Neniam antaŭe mi manĝis tiom da diversaj kaj foje strangaj manĝaĵoj, tamen mi ĉiam volis provi ion novan! Foje miaj amikoj invitis min **naĝi** kun ili en rivero. La plejmulto de ekster-landanoj neniam naĝus en ĝi pro ĝia malpureco, sed mi ja volis imponi al mia amikoj — do, mi konsentis! La rivero estas tre larĝa, sed havas malrapidan **fluon**. La preter-pasantoj kun miro rigardis, kiel tri stranguloj naĝas en la rivero. Kiam ni alvenis al la alia flanko, ni malkovris, ke ĝi estas tro alta kaj do ni ne povis sur-paŝi ĝin, nek volis pro **serpentoj**. Do, ni ek-re-naĝis kaj finfine revenis al la loko, de kie ni venis.

Mi estis ege ĝoja, ke ni povis senprobleme reveni. Sed ĉu mi farus tion denove? Ver-ŝajne, ne!

**mergiĝo** — sub-akv-iĝo
**stranga** — nenormala
**donaco** — tio, kion oni donas senpage
**imponi** — esti-igi bonajn sentojn
**naĝi** — movi sin tra akvo per brakoj kaj kruroj
**fluo** — "iro" de la rivero
**serpento** — longa, maldika, ofte danĝera besto

### Pri kio temas?!

*Alejandro Cossavella, Argentino*

Kiam mi vojaĝis tra Eŭropo, per Pasporta Servo, mi renkontiĝis kun japana esperantisto. Ni ludis muzikon en kelkaj lingvoj, kiujn ni pli-malpli scias. Ĉio iris bone ĝis kiam mi elbuŝigis tradukon de la fama *Bésame mucho* en Esperanton. Mi rimarkis, ke li tro atente aŭskultis mian simplan tradukon de la fama kanto, kaj demandis pri la kialo de tiu kroma intereso. Li respondis: "Mi aŭskultis tiun kanton tiom da fojoj... kaj ĝis nun mi eĉ ne sciis, pri kio temas!"



# Simple, senartifike...

***Mi estas.*** *Jac le* P*UIL. KD kun 14 titoloj (51 minutoj), tekstolibreto. Vinilkosmo (Donneville, Francio).* Mendu ĉe la libroservo de UEA www.uea.org/katalogo

*Paŭlo M*OĴAJEV*, Ukrainio*

Franca kantisto kaj aŭtoro Jac le PUIL estas kantisto jam vaste konata en Esperantio — ja liaj unuaj kant-albumoj (surkasedaj) aĝas jam pli ol 20 jarojn! Lia prezento-maniero multe similas la tradician "rusan bardan stilon". Baza akompano estas la gitara (malgraŭ ke ĉi-albume foje aperas ankaŭ kelkaj kromaj muzikiloj), la kanto-tekstoj estas pli gravaj, ol la muziko. La tekstoj estas plej buntaj — jen tradukitaj, jen originalaj (i.a. eĉ de E-aj klasikuloj, kiel ekz. la unua kanto "Mi estas" kun la teksto de E. MIĤALSKI aŭ ŝerca kanto pri E-instruisto laŭ la versaĵo de T. PUMPR); jen lirikaj, jen ŝercaj, jen soci-politikaj, jen iom nostalgiaj. Malgraŭ ke kelkaj tekstoj ne estas senaj je poezia forto aŭ estas eĉ forme tre interesaj (kiel "En l' haven de Pont-Aven", verkita laŭ sola daŭra ripetiĝanta rimo), entute mi pritaksus la tekstojn ne tro bonaj aŭ profundaj; multe pli taŭgos la priskribo, ke ili estas simplaj, senartifikaj.




La muziko, same kiel la tekstoj, jen apartenas al la aŭtoro mem, jen temas pri "prunteprenitaj" kantoj. Tamen ĉiuj kantoj estas muzike simplaj, eĉ foje "plataj", kio estas sufiĉe ofta afero, se paroli pri la barda kanto. La foje uzataj sinteziloj plejparte impresas nenature kaj ĉiuj "seriozaj" kantoj multe similas unu la alian.

Inter la pozitivaj trajtoj menciindas tre laŭdinda "teknika" laboro: la disko estas tre bone registrita, la prononco de la kantisto estas tre klara, la teksto-libreto — oportuna kaj enhavo-riĉa. Se provi pritaksi la diskon ĝenerale, do ĝi sendube estos interesa por la ŝatantoj de senartifika kaj iom malnova barda kanto (apartan guston donas al la albumo ankaŭ kelkaj ŝercaj — vere amuzaj! — kantoj). Sed entute mi kuraĝus aserti, ke sur la fono de la tuta muzika kulturo de E-mondo la disko aspektas modeste kaj apenaŭ rikoltos multe da populareco, precipe inter la junularo.

## Temoj de la venontaj numeroj de *KONTAKTO*:

- 2005:3. CIVILIZACIOJ.
- 2005:4. TERORISMO. Limdato: la 20-a de julio.
- 2005:5. POLITIKO. Limdato: la 20-a de aŭgusto.
- 2005:6. FESTOJ. Limdato: la 1-a de oktobro.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion ĉe la nova adreso: *KONTAKTO*, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; retadreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

**Kuirejo**

## Kolbasa salato

(por tri personoj)

Dorothea KAISER, Germanio

**Necesas:**

250-300 g da diversaj kolbasaj tranĉaĵoj; 50 g da tranĉita fromaĝo; 1/2 de cepeto; 75 g da kukumoj; 1/2 de malgranda pomo.

**Saŭco:**

Po unu supkulero da acida kremo, keĉupo, kremo, 1/2 kulero da mustardo, sukero (laŭguste).

**Preparo:**

Distranĉu la kolbasojn kaj fromaĝon en striojn; la cepon, kukumojn kaj pomon — en malgrandajn kubetojn. Miksu la tranĉaĵojn, aldonu la saŭcon kaj denove ĉion miksu. Bonan apetiton!

## kef 2005 Kultura Esperanto-Festivalo

**16.-23.7.2005 en Helsinko, Finnlando**

- Literaturo, Muziko, Teatro, Komiksoj
- Kvin krimaj kvaropoj — kaj kelkaj kromaj kadavroj
- Seksoj kaj tekstoj
- Recenza arto kaj beletra tradukado
- Korpolingvo kaj kulturaj diferencoj
- Esperanta teatro, muziko, rokliriko
- Amoj kaj mamoj: erotika poezio
- Filmodublada konkurso kaj Esperanta karaokeo
- Kursoj pri poemoj, prozo, artikolverkado, kanto-tradukado, dancado, voĉouzado, popmuziko
- Probal Daŝgupto
- Jorge Camacho
- Sten Johansson
- Anja Karkiainen
- Arnau Torras
- Duplustro
- Fraŭlino Barlaston
- Teatra Trupo Tuluza kaj Familia Etoso
- Floreal Martorell
- David-Emil Wickström
- Dolchamar elektre kaj akustike
- Ĵomart, Nataŝa kaj Karina
- Alejandro Cossavella
- Flavio Fonseca
- Esperanto Desperado
- JoMo kaj Liberecanoj
- Martin Wiese
- Liisa Viinanen kaj Esperanta opero
- Timo Väänänen kaj *kanteleo*
- Ŝamandruma vespero
- Diskotekoj ĉiuvesperaj




**Pliaj informoj: www.esperanto.fi/kef2005, aŭ hamalainen.riitta@kolumbus.fi**

**Anonce**

## Velura Sezono

**11-a internacia festivalo de E-kanto, dediĉita al la 60-jara datreveno de la Jalta Konferenco kaj fondo de la Unuiĝintaj Nacioj (Jalto, 10-18-an de septembro 2005).**

Jalto estas fama ripozurbo en la duoninsulo Krimeo ĉe la Nigra Maro (Ukrainio). Ĝi estis unu el la lulilo] de la internacia pionira E-movado. En 1945 en Jalto okazis fama konferenco — renkontiĝo de la gvidantoj de Sovetunio, Usono kaj Britio, dum kiu oni interalie decidis fondi la Organizaĵon de Unuiĝintaj Nacioj. Pasintjare post multjara interrompo ĉi tie reaperis la fama E-festivalo "Velura Sezono". Pro la sukcesa organizo de la festivalo kaj aliaj agad-eroj, jalta E-klubo Tero fariĝis laŭreato de la urba konkurso "Socia rekono" kiel la plej bona socia organizaĵo.

La festivalo okazas ĉiam en la tempo, kiun oni nomas en Jalto "velura sezono", kiam la maro varmas, la suno mildas kaj fruktoj abundas. Ĉar septembre en Jalto multas ripozantoj kaj turistoj el Rusio, Ukrainio kaj multaj aliaj landoj, la ĉefa celo de la festivalo estas propagando de Esperanto al la ekstera publiko, tial en la koncertoj partoprenas ankaŭ neesperantistoj. La koncertoj okazas en la centra urboplaco kaj en granda halo de la urba kulturcentro.

En la programo estas ekskursoj, turistaj marŝoj, seminario pri muzika E-kulturo, nokta barda kafejo, nokta koncerto sur la kajo, nokta naĝado k.a.

La festivalon organizas jalta E-klubo 'Tero' kune kun la subtenantoj: Societo de Subteno kaj Defendo de Ukraina Kulturo 'Espero' kaj Kieva Junulara Esperanto-klubo 'KREspO'. Rigardu la retejon <www.jaltaespero.narod.ru>. Organiza teamo: <espero@yalta.crimea.ua>; <tero@yalta.us>. UA-98612, Ukrainio, Jalto-12, p.k. 74, Esperanto. Tel. (+380-654) 231651, Jefim ZAJDMAN.

## Facillingvaj rakontoj — en la reto!

Se vi ŝatas legi facillingvajn rakontojn, aŭ eble volas uzi ilin dum viaj lecionoj, vizitu la retejon: <http://www.lujz.org/oktobro>. Tie vi trovos kolekton de facillingvaj rakontoj (plus la vortaron de facilaj vortoj) sur 30 paĝoj, kun klarigoj de malfacilaj vortoj. La aŭtoro kaj la kompilanto de la libro estas Luiz PORTELLA, Brazilo.

**"La demokratiaj leĝoj en posttotalismaj landoj ne funkcias..."**

Altestimata sinjoro Amis,

Mi legis vian artikolon "Ĉu ni ĉiuj deziras esti diktatoroj?" (*Kontakto* 203, 2004:5) kun plezuro, ĉar via vidpunkto bone kompletigas mian opinion. En unu artikolo tute ne eblas pridiskuti la problemon ĉiuflanke, kaj opinioj de samideanoj helpas prilumi objekton diversflanke. Vi ĝuste rimarkis, ke mia opinio koncernas totalisman sistemon. Pro tio mi proponis la tezon "generacio post generacio eduki homojn por nobla celo gvidi la popolon" aludante longan vojon al demokratio, kiu ne aperas unumomente el nenio. Tezo, ke ne ĉiu homo deziras esti diktatoro estas memkomprenebla, ĉar en socio neniam 100% de homoj estas egalaj. Mi unue substrekis, ke diktatoreco estas piramido de la socio, kiun konstruas la diktatoro kaj kiu trapenetras ĉiujn sociajn tavolojn. Tiun sistemon partoprenas la registaro, armeo, polico kaj oficistaro, iliaj familianoj, amikoj, adeptoj, enviantoj ktp. Multaj homoj abomenas diktatorecon, sed la vivo devigas ilin uzi la ordonojn, postulemajn esprimojn ktp. Oni ne povas teni disciplinon nur per la klarigoj de diferenco inter bono kaj malbono (mi parolas, denove, pri lando kun totalisma sistemo).

Kiam mi mencias nian naturon, mi skribas ne pri niaj instinktoj kaj bestaj ecoj. La homo estas tute ne besto, sed ni ja havas biologiajn radikojn, kiuj similigas nin iomete al hundoj, katoj, eĉ venenaj serpentoj. La homa racio multe larĝigis tiujn ecojn ĝis teruraj limoj. Ekzemple, leono neniam murdos milionojn da cervoj, sed Hitlero ja murdis milionojn da senkulpaj homoj! La demokratiaj leĝoj en posttotalismaj landoj ne funkcias, ĉar homamasoj ne alkutimiĝis al demokratiaj liberoj kaj do inercias. En Irako regas ĥaoso, kvankam post forigo de Saddam Husejn oni proponas al homoj vojon al demokratiaj ŝanĝoj. Homoj bezonas tempon por kompreni, ke nun ili kapablas solvi la sociajn problemojn trankvile, sen milito.

**Vladimir Ŝĉotkin, Rusio**







## Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodigon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la Interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**

# Kotiztabelo de UEA por 2005

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentino/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Aŭstralio/dolaro | 15 | 38 | 94 | 56 | 34 | 188 |
| Aŭstrio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Belgio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Brazilo/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Britio/pundo | 6 | 15 | 37 | 23 | 14 | 74 |
| Bulgario/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Ĉeĥio/krono | 200 | 490 | 1220 | 770 | 460 | 2440 |
| Danio/krono | 65 | 165 | 410 | 260 | 155 | 820 |
| Finnlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Francio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Germanio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Greklando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Hispanio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Hungario/forinto | 1500 | 3700 | 9200 | 5800 | 3500 | 18400 |
| Irlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Islando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 33 | 20 | 110 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 44 | 26 | 16 | 88 |
| Italio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Japanio/eno | 1200 | 2900 | 7300 | 4400 | 2600 | 14600 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Malto/eŭro | 6 | 15 | 37 | 23 | 14 | 74 |
| Nederlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Norvegio/krono | 75 | 185 | 460 | 275 | 165 | 920 |
| Nov-Zelando/dolaro | 17 | 44 | 109 | 65 | 39 | 218 |
| Pollando/eŭro | 4 | 11 | 28 | 18 | 11 | 56 |
| Portugalio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Rusio/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Slovakio/krono | 200 | 550 | 1400 | 900 | 550 | 2800 |
| Svedio/krono | 80 | 200 | 500 | 320 | 190 | 1000 |
| Svislando/franko | 14 | 34 | 85 | 51 | 31 | 170 |
| Usono/dolaro | 10 | 25 | 62 | 37 | 22 | 124 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 15 | 37 | 22 | 13 | 74 |
| TARIFO B/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Estonio, Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Pollando.

TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.

TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

Mallongigoj:

**MG** – Membro kun Gvidlibro
**MJ** – Membro kun Jarlibro
**MJ-T** – MJ malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**MA** – Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj la revuon *Esperanto*)
**MA-T** – MA malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *Kontakto* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**SA** – Simpla abono de revuo *Esperanto* sen membreco
**Kto** – Simpla abono de revuo *Kontakto*
**SZ** – Societo Zamenhof (subtena kotizo aldone al membrokotizo)
**PT** – Patrono de TEJO: 3-oblo de MJ (ricevas *Kontakto* kaj *TEJO Tutmonde*)
**DM** – Dumviva Membro: 25-oblo de MA (ricevas dumvive la samon kiel MA)
**DMJ** – Dumiva Membro kun Jarlibro: 25-oble de MJ (ricevas dumvive la samon kiel MJ)

**Kiel individuaj membroj de TEJO** (MJ-T aŭ MA-T) por 2005 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1-an de januaro 2005 (t. e. kiuj naskiĝis en 1975 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.

**Eblas aboni** ankaŭ al *TEJO tutmonde* sen membreco en TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo por la koncerna lando.

**Oni povas pagi** pere de la perantoj de UEA, aŭ rekte al UEA per ĝiro al ĝia banka aŭ poŝta konto, per ĉeko aŭ poŝtmandato, aŭ per kreditkarto.

# Vojaĝo al... Paradizo

STANISLAV VLASENKO

Ĵenja AMIS, Ukrainio/Usono

**"Ĉu vi povus ŝofori iomete malpli rapide", — mi petas al "nia" ŝoforo. Ni veturas laŭ mallarĝega serpenteca montara vojo en Krimeo. Unuflanke estas grandega roko, aliflanke — abismo, kaj la Nigra Maro ĉie sur la horizonto.**

Tiun ĉi vojon oni ŝerce nomas "bopatrina lango". Kiam je la rapideco de la sono "preterflugis" nin alia aŭto, mi ne plu eltenis kaj fermis la okulojn: "Bone, mi maltrafos belegan krimean pejzaĝon, sed almenaŭ ne trafos min koratako ie en la sekva vojkruciĝo". Estas vere malfacile imagi, kiel du aŭtoj povas ĉirkaŭiri unu la alian en tia mallarĝega vojo! Ĉu ĉie en la mondo oni plej freneze ŝoforas en la montoj, mi scivolas?.. Post iom da tempo mi denove malfermas la okulojn, rigardas flanken kaj vidas kelkcentmetrojn da... aero! Mi pli insiste ripetas: "Malrapidu!" La ŝoforo sincere miras pri mia nervozeco: "Sed mi ŝoforas tute malrapide! Pluvis hodiaŭ, la vojo estas malseka, pro tio ne eblas rapide ŝofori". Mi mense dankas Dion pro la pluvo kaj decidas denove fermi la okulojn ĝis la plena halto. Post kelka plia tempo da "purgatorio" ni estas en... Paradizo! La ŝoforo donas kelkajn vojklarigojn, diras, ke "esti apude kaj ne viziti Paradizon estas simple peko", deziras bonan vojaĝon kaj forveturas.

La vorto "Paradizo" ne estas nur bela vorto. Tiun nomon donis al ĝi grekoj, mirigitaj de ĝia beleco (ili vivis ĉi tie de la oka jarcento). La oficiala nomo nun, kompreneble, estas alia — Novij Svet, t.e. Nova Lumo, sed la malnova vorto "Paradizo" troviĝas jen tie, jen aliloke: sur la ŝildoj por plaĝoj, kafejoj ktp. Same kiel ĉiuj aliaj turismaj lokoj en Krimeo (Ukrainio), Novij Svet vivas "de somero al somero": somere ĝia loĝantaro kelkdekoble kreskas, kaj vintron ĝi iel travivas. La maro alportas al ĝi monon kaj bonfarton: somere pro multaj turistoj (tamen, ne tiel multaj kiel en aliaj lokoj de Krimeo). Sed ankaŭ en la tempo "neturista" la maro alportas monon, kaj ĉi-foje, tute laŭvorte: fojfoje ĝi alĵetas borden juvelaĵojn kaj — tute serioze — monon, perditan aŭ intence ĵetitan en la maron somere.

Je nia dispono estis nur kelkaj horoj, kiujn ni kun peno "eltranĉis" el la densega programo de konferenco pri administra reformo de Ukrainio — ĝi okazis en "apud-paradiza" urbeto Sudako. Dum tiu tempo necesis trairi — aŭ, pli ĝuste, trakuri la padon de GOLICIN kaj aĉeti por donacoj famegan lokan ĉampanon. Efektive, la nomo Novij Svet aperis dank' al ĉampano. Laŭ legendo, la caro post trinkado de la loka ĉampano diris, ke li vidas ĉion "en nova lumo", t.e. tute alie. La ĉampan-fabriko estis fondita en malproksima 1878 de rusa nobelo — princo GOLICIN.

Malsimile al la vinoj, la pado de GOLICIN ne estas vaste konata. Laŭ legendo, li trairis ĝin ĉiutage, kaj pro tio vivis longe kaj sane. Iuj diras, ke estas li, kiu efektive faris la padon. Aliaj asertas, ke ĝi estis farita en la frua mezepoko, aŭ eĉ pli frue, kaj GOLICIN nur riparis ĝin. Sed — kiel ajn estas, ĉiuj lokanoj konsentas, ke ĝi estas kuraca. Mallarĝa, neunueca, gvidanta jen krute supren, jen malsupren, fojfoje ĝi videblas nur kiel mokturmenta linio ie sur la horizonto... Sed — kiel bela! La naturo de Novij Svet estas vere unika, kaj la pado de GOLICIN estas la plej bona loko por ĝui ĝin. Rokecaj montoj, kiel fabelaj gigantoj, plene ĉirkaŭas kaj defendas la vilaĝon kontraŭ malvarmaj ventoj. Sud-oriente trankvilas varma maro, kiu entranĉiĝis borden per tri golfoj: Verda, Blua kaj Blueta. Kiam mi vidis la "diverskolorajn" golfojn surbilde, mi pensis, ke la koloroj ne estas veraj, kaj nur post kiam mi vidis ilin "vive", mi komprenis: ĉi-foje ne temas pri komputilaj trukoj! Grandega groto, kvazaŭ el fabelo pri gnomoj kaj troloj, finas la padon.

Tamen la plej granda surprizo atendis nin en la vojo reen, dum vizito al la mezepoka fortikaĵo en Sudako, apud kiu okazis arkeologiaj esploroj. Estis granda fosaĵo, kaj ĉie sur la tero kuŝis pecoj de argilaj potoj kaj ostoj. La arkeologo estis parolema kaj volonte klarigis, ke la elfosaĵoj, plej verŝajne, venas de la 14-a jarcento. Sudako ŝanĝis la nomon kaj la "posedantojn" multegajn fojojn: grekoj, turkoj, ĝenovanoj, rusoj, tataroj... La historion de Sudako eblas sekvi per historio de unusola templo en la fortikaĵo. Originale ĝi estis konstruita en la Mezepoko kiel moskeo, poste detruita, kaj poste ĝi estis uzata kiel kristana (greka) preĝejo. Ĝenovanoj, kiuj konkeris la urbon poste, transformis ĝin en katolikan preĝejon, sed, post vica konkero fare de turkoj, ĝi denove fariĝis moskeo. Kaj eĉ post tio ĝi multfoje ŝanĝis la aspekton: estis tie ortodoksa milita preĝejo, germana preĝejo, armen-katolika preĝejo... Post longaj kaj interesaj klarigoj la arkeologo permesis al ni preni pecon de la potoj — kion ni volonte faris! Mi tre ŝatas rigardi ĉi tiun pecon de argilo kaj imagi, kiel aspektis tio, kio ĝi estis originale, ankaŭ imagi tiujn, kiuj uzis ĝin...

**Sur la fotoj:** 1. Sunsubiro en Sudako. 2. Mezepoka (ĝenova) fortikaĵo en Sudako. 3. Vidaĵo de Sudako el la fortikaĵo.

La redakcio esprimas koran dankon al ĉiuj organizantoj de la konferenco pri la administra reformo de Ukrainio, unuavice CURE (*Center for Ukrainian Reform Education*), dank' al kiu ni povis vojaĝi al Krimeo.

